# ESPERANTO

Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto - Asocio

N° 432

NOVEMBRO 1936

## LA JUĜO

### République et Canton de Genève

**Originala teksto**

L'an mil neuf cent trente-six, et le 30 octobre,

Nous, Greffier du Tribunal de Première Instance, en application de l'article 115 de la loi de procédure civile, avisons

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
1, Tour de l'Ile

que dans son audience du 27 octobre 1936, la deuxième chambre du Tribunal de Première Instance, statuant en matière de procédure ordinaire, a rendu entre elle et

1° M. Paul BOUVIER, employé, rue Marignac, 3;

2° M. Paul TREMBLEY, ingénieur, chemin Miremont, 31*bis*;

3° M. Ernest HEDIGER, fonctionnaire au B.I.T., route de Meyrin, 46;

4° M. Renaud RICHEZ, fonctionnaire à la S.D.N., rue Ecole-de-Médecine, 18;

5° Mme Juliette VATRÉ, Assistante, rue St-Léger, 4;

Maître SCHREIBER, avocat;

un jugement contradictoire, dont le dispositif est le suivant :

LE TRIBUNAL :

Met Dame Vatré hors de cause. Cela fait,

*Annule* comme contraire à l'article 5 des statuts, la décision de l'Universala Esperanto-Asocio, prise selon circulaire du 22 mars 1936 et transférant hors de Suisse le siège de cette association.

*Condamne* celle-ci aux dépens taxés à Frs. 163.80.

*Ordonne* la publication, une fois aux frais de l'UEA dans le prochain numéro de son journal *Esperanto* du dispositif du présent jugement en première page et caractères ordinaires, le tout sous peine d'une astreinte de Frs. 20.— par jour de retard.

*Déboute* les parties de toutes autres ou contraires conclusions.

*(Signé)* F. CHARROT.

### Respubliko kaj Kantono de Ĝenevo

**Traduko**

En la jaro mil naŭcent tridekses
kaj la 30-an de oktobro,

Ni, juĝeja skribisto de l'Tribunalo de Unua Instanco, aplikante art. 115 de la leĝo pri civila proceduro, avizas

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO,
1, Tour de l'Ile

ke en sia kunsido de la 27-a de oktobro 1936, la dua ĉambro de la Tribunalo de l'unua instanco, decidante en afero de ordinara proceduro, faris inter ĝi kaj

1. S-ro Paul BOUVIER, oficisto;
2. S-ro Paul TREMBLEY, inĝeniero;
3. S-ro Ernest HEDIGER, oficisto ĉe Internacia Labora Oficejo;
4. S-ro Renaud RICHEZ, oficisto ĉe la Ligo de Nacioj;
5. S-ino Juliette VATRÉ, asistantino;

S-ro SCHREIBER, advokato;

juĝon kontraŭdiran, pri kio la disponajo estas la sekvanta :

LA TRIBUNALO :

Metas Sinjorinon Vatré ekster la afero. Tio farita

*nuligas* kiel kontraŭan al la art. 5 de la statutoj, la decidon de la Universala Esperanto-Asocio, faritan laŭ cirkulero de la 22-a de Marto 1936 kaj transportantan ekster Svislando la sidejon de la dirita Asocio,

*Kondamnas* tiun-ĉi je pago de la kostoj, taksitaj je 163.80 frk.;

*Ordonas* la publikigon unufojan de la dispona parto de tiu ĉi juĝo sur unua paĝo unufoje je kosto de l'UEA en la proksima numero de ĝia gazeto *Esperanto* kaj en ordinaraj literoj, la tuton sub puno de devigo al pago de frk. 20.— po tago de prokrasto.

*Deklaras* malpravaj la partiojn pri ĉiuj aliaj aŭ kontraŭaj konkludoj.

*(Subskr.)* F. CHARROT.

# ĈU UEA MORTOS ?

Tiun-ĉi demandon ni legis kiel titolon de ĉefartikolo en « Belga Esperantisto ». Kaj al ĝi ni respondas per la nuna deklaro.

La subskribintoj, malnovaj amikoj de UEA, vidis kun granda zorgo la ŝanĝon de la spirito en la Esperantistaro. Al la simpla percepto *esperantisto = samideano* oni penadis antaŭmeti doktrinojn klasajn, naciismajn, rasajn kaj aliajn. La fluo de la epoko profunde ŝanĝis ĉion. Ne estas do atendeble, ke nia movado restu netuŝita.

La fenomeno plej rimarkinda estas la disiĝo interesperantista. Ni alvenis nun je tiu-ĉi stato, ke nia lingvo — *gravega elemento por kunigi* — iĝis ilo por la kontraŭo. Jen la klasbatalantoj, jen la naciuloj ! Ambaŭ serĉas proprigi al si preskaŭ ekskluzive ĉi-tiun ilon, kreitan *ne* por celoj disigantaj homojn kaj gentojn, sed

*por unuigi ilin.*

UEA estis fondita laŭ la simpla vero, ke Esperanto estas internacia rimedo de kompreniĝo. Sekve la fondintoj sin turnis senpere al la individua Esperantisto, ne demandante kiun kredon politikan, religian kaj klasan li havas. Kaj zorge UEA klopodis respekti kaj respektigi absolutan neŭtralecon.

Sed kun la ŝanĝo de la tempo fortiĝis la elemento nurnacia. UEA, akceptante ĉiun honorindan homon, fariĝis objekto dezirata kaj atakata. Pene ĝi akiris la tielnomatan « *oficialecon* », daŭre ĝi batalis kontraŭ tiu-ĉi spirito de ekskluziveco, ĝis fine ĝia Estraro cedis por krei la tiom sopiratan unuecon de la fronto. Tamen la netolerema spirito estis pli forta. Ĝi trovis parte esprimon en la nova statuto, akceptita en 1934. La Estraro de UEA, direktinta la sorton de la Asocio ĝis 1934, por akceli dezirindan harmonion akceptis diversajn postulojn, efektive ruinigajn, kiel pruvis la nuna sperto. Ili estas :

**50-centima kotizo** (Ne sufiĉe por morti, tro malmulte por vivi !)

**pli alta kotizo internacia por ne-anoj de Nacia Societo** (efiko : foriro de kelkmilo da internaciuloj).

**Nacia ekskluziveco** (ĉio nur pere de Nacia Societo aŭ Landa Asocio ; fonto de personaj aspiroj. intrigoj kaj malpacoj).

Ni ne intencas kritiki ! La evoluo pravigis la timojn, ke anstataŭ *unueco*, la antaŭe pretendita *dueco* fariĝis pli videbla kaj pli profunda. La efiko de tiu-ĉi mallarĝa percepto vidiĝas en la katastrofa falo de la nombro de la aktivaj membroj kaj en la nombro de forsenditaj poŝtajoj :

| *Jaro* : | 1933 | 1934 | 1935 |
|---|---|---|---|
| *Anoj* : | 7.809 | 6.723 | 4.312 |
| *Poŝtajoj* : | 28.965 | 29.144 | 10.671 |

Hodiaŭ ni staras antaŭ nova sperto kare akirita. La tempo montros al ni, ĉu la Esperantista popolo scias lerni el ĝi. La formo donita al UEA en Kolonjo estis provo. Ĝi fiaskis pro manko de larĝvida konsidero de faktoj, veroj kaj bezonoj, kaj pro malrespekto al akceptita interkonsento, rekoni akiritajn meritojn. Rimarkinde estas, ke la unuecigo sur nacia bazo, ne povis atingi sian celon en aro da landoj, kie daŭras la disputoj pri plej bona formo organiza.

Ni subskribintoj, akceptintaj kontraŭ nia volo kaj deziro la ŝarĝon rekonstrui la Asocion, deklaras solene :

**Ni klopodas** plej energie restarigi UEA, sekvante la principojn, kiuj igis ĝin bonfama.

**Ni laboras** por redoni al nia movado solidan kaj firman centron internacian.

**Ni zorgas,** ke aperu regule la revuo « ESPERANTO », kun enhavo interesa, en vere Zamenhofa spirito.

**Ni penas** restarigi la servojn nuntempe funkciigeblajn.

**Ni etendas la manon** al ĉiu samideano, preta nin helpi en tiu-ĉi tasko !

Al tiu-ĉi deklaro ni aldonas kelkajn klarigojn :

Ĝis la momento, kiam orde elektata komitato reprenos la gvidon, la Provizora Komitato reprezentos la Asocion. Dependas de la membraro, malplilongigi tiun-ĉi interregan tempon. Jam nun ni decidas pri grava afero : *la kotizoj*. Ni konformigas ilin al la nuna situacio, kio faciligos al multaj samideanoj ree fariĝi UEA-anoj.

En Januara numero de « ESPERANTO » ni submetos al vi koncizan agadplanon, ne tian kun multaj promesoj, nerealigeblaj, sed **seriozan** laŭ percepto, **simplan** laŭ la cirkonstancoj, **sobran** laŭ la rimedoj.

Ni nin turnas al vi, karaj samideanoj, kun la peto subteni nin per via aliĝo, per via kunlaboro kaj per via fido. Ne staru flanke, atendante la savon de nia internacia klopodo per miraklo de la Ĉielo ! Kaj ni respondas al la demando ĉe la frunto de tiu-ĉi artikolo,

## Ĉu UEA mortos ? Ne, ne, neniam ! UEA vivos !

**Por la Provizora Komitato de Universala Esperanto-Asocio :**

K. M. Liniger, prezidanto. — Renaud Richez, vicprezidanto.

Anoj : Paul Bouvier — Ernest Hediger — Charles Rosen — Paul Trembley

# LA DUA JUĜO

*Teksto originala:*

## RÉPUBLIQUE ET CANTON DE GENÈVE

L'an mil neuf cent trente-six
et le quatre novembre,

Nous, Greffier du Tribunal de première instance, en application de l'article 115 de la loi de procédure civil, avisons

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO, —
1, Tour de l'Ile

que dans son audience du trois novembre 1936,
la deuxième chambre du Tribunal de première instance, statuant en matière de procédure ordinaire a rendu entre elle et

1. M. Paul Bouvier, employé, rue Marignac, 3 ;
2. M. Paul Trembley, ingénieur, chemin Miremont, 31*bis*.
3. M. Ernest Hediger, fonctionnaire, B.I.T. ;
4. M. Renaud Richez, fonctionnaire, S.D.N., r. Ecole de Médecine, 18 ;

Maître Schreiber, avocat ;

Un jugement contradictoire, dont le dispositif est le suivant :

Le Tribunal :

*Annule* la décision de l'Universala Esperanto-Asocio intervenue sous forme d'un vote par correspondance, dépouillé le 4 juillet 1936, dans les locaux de Genève, Tour de l'Ile 1, et modifiant la disposition des statuts relative au siège social.

*Condamne* Universala Esperanto-Asocio aux dépens taxés à Frs. 179.90.

*Déboute* les parties de toutes autres ou contraires conclusions. *(Signé)* F. Charrot.

*Traduko*

## RESPUBLIKO kaj KANTONO DE ĜENEVO

En la jaro milnaŭcenttridekses,
kaj la kvaran de novembro,

Ni, juĝeja skribisto de la Tribunalo de l'unua instanco, aplikante la art. 115 de la leĝo pri civila proceduro, avizas

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO,
1, Tour de l'Ile

ke en sia kunsido de la tria de novembro 1936,
la dua ĉambro de la Tribunalo de l'unua instanco, sur la bazo de ordinara proceduro, faris inter ĝi kaj

1. S-ro Paul Bouvier, oficisto, rue Marignac, 3 ;
2. S-ro Paul Trembley, inĝeniero, ch. Miremont, 31*bis* ;
3. S-ro Ernest Hediger, oficisto, Internacia Labora Oficejo ;
4. S-ro Renaud Richez, oficisto, Ligo de Nacioj ;

S-ro Schreiber, advokato ;

kontraŭdiran juĝon, kies disponajo estas la jena :

La Tribunalo :

*Nuligas* la decidon de l'Universala Esperanto-Asocio intervenintan sub formo de voĉdono per korespondo, kontrolita la kvaran de Julio 1936 en la oficejo en Ĝenevo, Tour de l'Ile, kaj modifanta la postulojn de la statutoj, rilatantajn al la asocia sidejo.

*Kondamnas* Universala Esperanto-Asocion je la kostoj taksitaj je 179.90 Frk.

*Deklaras* malpravaj la partiojn je ĉiuj aliaj aŭ kontraŭaj konkludoj. *(Subskr.)* F. Charrot.

---

# Parolas F-ino Lidja Zamenhof :

La esperantistoj estas informitaj pri starigo de Internacia Esperanto Ligo.

Kiel ĉiuj scias, la decido translokigi UEA en Londonon renkontis kontraŭstaron, ĉefe de svisaj samideanoj. Ili postulis, ke tiu gravega paŝo okazu en maniero tute laŭleĝa, t.e. per laŭstatuta voĉdonado de la delegitoj. Sekve de tiu postulo oni aranĝis voĉdonadon. Sed tiu voĉdonado ne estis ankoraŭ laŭstatuta.

La art. 58 de la statuto diras, ke por ŝanĝi la statuton (translokiĝo ekster Svisujon estas ja gravega ŝanĝo) estas necesa voĉdonado de la delegitoj. Sed iu ajn, eĉ la prezidanto, ne povas laŭ sia propra plaĉo kaj iniciato okazigi la voĉdonadon. Por tio estas necesa decido de la Komitato aŭ Estraro, aŭ iniciato de kvinono de la delegitoj. Do, por ke la voĉdonado estu laŭleĝa, sufiĉis, ke tiurilata decido de la Komitato aŭ Estraro, korpoj ne tre grandaj, estu formale akceptita. Tiu formala decido mankis, kaj pro tio oni plendas antaŭ la Tribunalo.

La Estraro de UEA diradis al ni : « Fidu al ni, ke ni ja volas nur bonon de Esperanto. « Kaj neniu el ni permesis al si tion dubi. Sed same, kiel ni devas esti lojalaj al la ĝisnunaj gvidantoj de UEA, ni ŝuldas lojalecon kaj bonfidon al ĉiuj aliaj membroj de tiu Asocio. Ni devas do esti same lojalaj ankaŭ rilate al la svisaj samideanoj, kiujn oni nun emas prezenti kiel nigrajn ŝafojn. Ni devas kredi, ke ankaŭ ilian agadon diktas nur la zorgo pri la bono de nia afero.

UEA havas statuton. La statuto ne estas kreita por kuŝi en tirkesto. Oni devas ĝin obei. Tiu obeo ligas ne nur simplajn membrojn, sed ankaŭ la gvidantojn de la Asocio. Se en afero tiel grava, kiel foriro el Svisujo, la gvidantoj ne atentis la statuton, oni ne devas miri kaj surpriziĝi, se iuj protestas kontraŭ tiu malzorgo kaj postulas, ke ĉiu litero de la statuto estu respektata. La gvidantoj povis eble, antaŭ ol aranĝi la voĉdonadon, esperi, ke la membroj ne insistos tro je la formaleco de la procedo. Sed kun la momento, kiam aŭdiĝis la unua protesta voĉo, tiu espero devis fali. Restis nur — agi precize laŭ la statuto. Kelkaj emas kompreni la agadon de la svisaj samideanoj kiel nuran ĉikanadon. Ili diras : Eĉ se ni konformiĝus al iliaj postuloj — kian garantion ni havas, ke ili tuj poste ne trovos novajn punktojn de atako kontraŭ ni ? Ŝajnas al mi, ke se oni volus senti sin tiurilate tute sekura por la estonteco, oni devus inviti reprezentanton

de la protestintoj, ke li partoprenu kaj kontrolu la tutan procedadon. Falsa estus la ideo, ke tio povus malhonori la Asocion aŭ ties gvidantojn.

En la N-ro I de la *Oficiala Bulteno de Internacia Esperanto Ligo* ni legas, kiel pravigon pri la fondo de la nova Ligo, ke tiu formala laŭstatuta voĉdonado, kiun volas la svisoj, postulus « minimume tri monatojn kaj posttirus la koncernajn altajn elspezojn ». Se ne — proceso, kiu povas daŭri eĉ jaron kaj kosti certe multege.

Ŝajnus nature, ke el la du alternativoj oni prefere elektu — la unuan. Sed tio ne okazis. Anstataŭ « malŝpari tri monatojn kaj la koncernajn altajn elspezojn », oni konsideris, ke estos pli facile fari skismon en la movado.

Laŭ la decido de 9 (nur naŭ !) komitatanoj, « la landaj Asocioj, respektive la komitatanoj, estas petataj tuj eksiĝi el UEA kaj fondi novan Asocion ». Kaj se iuj Asocioj, komitatanoj aŭ delegitoj ne plenumos tiun peton kaj ne sekvos la gvidantojn sur la novan vojon ? Tiam okazos civila milito en Esperantujo, komparebla eble nur kun la Ido-skuo en 1907. Kaj tion ĉi oni povis eviti, konformiĝante al la statuto. *Por la prezo de nuraj « tri monatoj kaj la koncernaj altaj elspezoj » oni povis eviti disrompon kaj konflikton, antaŭ kiuj ni nun staras*, kaj kiuj certe daŭros pli longe kaj kostos pli multe. Kial oni ne faris tion ? Kiuj motivoj diktis tiun danĝeran elekton ? Ĉu eble nura spitemo kontraŭ la protestintoj ? Ni legis, ke S-ro Bastien klopodis ĉe la protestintoj, ke ili ĉesigu la ruinigan proceson — kaj ili ne volis. Sed ni ne legis, kiuj estis tiuj nevenkeblaj kaŭzoj, kiuj evidente ĝis tia grado malebligis okazigon de la laŭstatuta voĉdonado, ke oni preferis la disbaton, ol kontentigon de la statutaj postuloj. Mi akcentas, ke ne temas en tiu ĉi momento, ĉu UEA restu en Ĝenevo aŭ iru en Londonon. Sed temas pri tio, ke gvidantoj de la movado trovis pli facila elvoki skismon kun eble neantaŭvideblaj konsekvencoj, ol subiĝi al la statuto.

La gvidantoj petas, ke ni fidu al ili, kaj ni deziras fidi. Sed ni ne povas fidi blinde. La Asocioj, komitatanoj, delegitoj, la reprezentantoj, post kiuj staras la tuta popolo de UEA, ne povas sekvi blinde la alvokon, kiun ili povas kredi nura spito.

La reĝo mortis — vivu la reĝo ? Sed la reĝo ne mortis ankoraŭ. Tro frue estas sonorigi funebrajn sonorilojn por UEA. La statuto de UEA, sufiĉe strange, ne havas specialan ĉapitron pri dissolvo de la Asocio. Nur en la art. 57 ni legas, ke dissolvi la Asocion povas ĝenerala voĉdonado de ĉiuj aktivaj membroj. Sed okazigi tian voĉdonadon estas ja eĉ pli komplike, ol rearanĝi la regulan voĉdonadon de la delegitoj. Aliflanke, asocioj ordinare dissolviĝas, se ili ne havas plu membrojn. Sed ke UEA restu eĉ sen tri membroj — tio ja ne okazos facile. Se la estraro kaj kelkaj komitatanoj foriros, oni elektos aliajn. Se kelkaj Asocioj foriros — restos aliaj, aŭ eble oni denove reformos la statuton, por doni al la esperantistoj pli grandan eblecon aparteni al UEA ekster la landaj Asocioj. De la proceso UEA liberiĝos aŭ per formala adaptiĝo al la statuto, aŭ simple, rezignante forlasi Svisujon, kie pro la malaltiĝo de la svisa franko la situacio iĝas pli favora. Malgrandiĝas la valoro de la luopago, impostoj, oficistaj salajroj, kaj eĉ de la ŝuldoj. Se la svisa mono malaltiĝus antaŭ la Pasko, certe la propono pri translokiĝo trovus malpli da simpatiuloj.

Gvidantoj de UEA foriras. En la nova Asocio ili okupos analogiajn postenojn. Sed kian garantion ili donos al siaj membroj, ke ili respektos la novan Asocion kaj ties statuton, se evidente tiel malfacila ili trovis respekti tiun de UEA ?

Oni diras al ni, ke temas nur pri nova nomo. « La korpon, la kapon, la koron kaj la animon ni restarigos, nur sub alia nomo, en Britlando. » Restos tamen ĉe la Lemano la laroj kaj penatoj de UEA. Restos en Ĝenevo la tradicio, la materialo, la dokŭmentaro pri la preskaŭ tridekjara agado de la Asocio. Restos fine en Ĝenevo la biblioteko de UEA, kiun la svisa Tribunalo ne permesos forporti.

Okazis en 1907, ke la esperanta popolo restis « armeo sen ĉefoj », ĉar la ĉefoj transiris en la Ido-tendaron. Kaj la senĉefa armeo venkis la senarmeajn ĉefojn.

Okazis en 1932, ke naskiĝis en Parizo UFE — kaj nelonge ĝi vivis, ĉar venkis la solidareca sento de la esperantistoj kaj la kompreno, ke nur en unueco estas nia forto. Ĉu ni ne esperu, ke ankaŭ nun ni evitos la dramon de la disfalo, ke venkos la sento de Unueco ?

---

# ANDREO CSEH

En ĉi tiu somero la Esperantistaro inde festis la 25-jaran jubileon de la eminentaj verkistoj K. de Kaloscay kaj Julio Baghy.

Eble malmultaj scias, ke ne malpli grava jubileo atendas nin. Ankaŭ Andreo Cseh jam de 25 jaroj laboras en la servo de nia movado.

Ni ne bezonas tie ĉi larĝe priparoli la meritojn de Andreo Cseh, kiu senripoze laboradas por antaŭenpuŝi la movadon, Andreo Cseh pliriĉigis nian anaron je miloj da novaj entuziasmaj adeptoj. Lia fama metodo estas aplikata de centoj da instruistoj en la tuta mondo, vekante intereson ĉe novaj kaj malnovaj Esperantistoj.

Nun ni deziras feste rememori la fakton, ke li dum 25 jaroj senĉese dediĉis sin al Esperanto.



La Haga grupo «Fine Ĝi Venkos» festos sian 30-jaran jubileon je lundo, la 28-a de Decembro en salono de la Zoologia Ĝardeno, Benoordenhout 2, Den Haag. La intenco estas en la sama vespero festi la 25-jaran jubileon de Andreo Cseh kaj transdoni al li memoraĵon pri ĉi tiu grava fakto.

Ni invitas la Esperantistojn partopreni en ĉi tiu festo persone aŭ perletere. Leteroj por laŭtlego en la festvespero povas esti sendataj al la jena adreso.

F-ino C.E. van Voorthuijsen,
Noordeindsplein 2 a, Leiden, Ned.

Tiuj, kiuj volas partopreni en la donaco (dependonta de la kolektiĝinta sumo) povas sendi sian kontribuon al la sama adreso, antaŭ la 15-a de Decembro 1936. (Poŝtĉekkonto de F-ino v. Voorthuijsen : 133688.) La Jubilea Komitato.

# Al la Esperantistaro

**La subita forlaso de UEA flanke de preskaŭ la tuta Komitato, ne facile kompreniĝas. La Provizora Komitato dissendis cirkuleron al la membraro de UEA kun detala klarigo de la situacio. Tiun ĉi cirkuleron ni represas tie-ĉi.**

Per cirkulero de la 18-a de Septembro 1936, Sinjoro Generalo Louis Bastien, Prezidanto de UEA, anoncas al la mirigita Esperantistaro la memmortigon de UEA. Samtempe li rekomendas aliĝon al nove fondita « INTERNACIA ESPERANTO-LIGO », direktata de la ĝisnuna Direktoro de UEA, S-ro Goldsmith, en Londono. Intertempe S-ro Bastien eksiĝis kiel Prezidanto de UEA, eĉ ne zorgante pri anstataŭanto, kaj nun volas gvidi la Ligon.

Forpasis nur tri jaroj, de kiam dum la kongreso de Köln en 1933, UEA festis sub la prezido de S-ro Ed. Stettler sian 25-jaran datrevenon. De ĉiuj flankoj venis gratuloj kaj neniu dubis, ke malgraŭ la krizo la Asocio fidele daŭros servi al siaj membroj kaj al la movado. Plie estis akceptita la tiel nomita « Interkonsento de Kolonjo », kiu por ĉiam devis finigi la priorganizajn disputojn.

Kio do okazis, ke post mallonga interspaco la Asocio estas tiom ruinigita, ke ĝia nuna Prezidanto juĝis oportune forĵeti la standardon ?

---

Detalan historion kun dokumentoj oni eble publikigos pli poste, sufiĉu por la momento malmultaj faktoj. UEA estas la Asocio de la internaciemaj Esperantistoj ; ĝi unuigas la samideanojn, kiuj volas uzi la lingvon por internaciaj rilatoj kaj per tio realigi la Zamenhofan idealon pri supernacia solidareco. Sekve UEA akceptas ĉiun honorindan Esperantiston, ne demandante al kiu alia Societo li apartenas ; donas al ĉiu membro certajn, ne forigeblajn rajtojn ; kaj koncentrigas sian laboron al la kampo internacia. Neniam UEA sin enmiksis en la aferojn de la Naciaj Societoj, male ĝi tre atentis ne esti deflankigata de sia rekta vojo per la multaj malpacoj inter tiuj societoj. Por ambaŭ : la Naciaj Societoj, kiuj propagandas kaj instruas enlande, kaj por UEA, kiu zorgas pri la internaciaj rilatoj de la Esperantistoj, estis sufiĉe da loko kaj granda labortasko. Okazaj malfacilajoj reguliĝis kun reciproka bona volo.

Estas nun fakto, facile pruvebla, ke UEA havis la sorton malplaĉi al kelkaj membroj de Naciaj Societoj, kiuj en tia demokrate organizita Asocio de sendependaj Esperantistoj vidis danĝeran konkurencon al sia afero. Laŭ ilia teorio UEA estas superflua, kaj la internacia agado devus esti sole gvidata de unuiĝo aŭ Ligo de Naciaj Societoj. UEA respondis, ke ĝi ne aspiras « GVIDADON », nur laboreblecon ; ke la lingvo Esperanto ne estis eltrovita por ke ĝi fariĝu la ludilo de eblaj naciaj aspiroj aŭ interesoj, kaj ke la movado nur profitas per viglaj rektaj rilatoj inter oferemaj samideanoj, kiuj kompreneble ne volas esti ordonataj aŭ eĉ haltigataj de estraro ekster sia elektpovo.

Jam unu jaron post la fondo de UEA, la unua ŝtono estis ĵetita kontraŭ ĝi, en 1909, dum la kongreso de Barcelono. De tiam ĝis la militkomenco okazis dum preskaŭ ĉiu kongreso malagrablaj diskutoj kun la estro de la tiama oficiala movado, S-ro Generalo Sébert en Parizo, aŭ liaj reprezentantoj.

Trankvilecon ĝuis UEA dum la mondmilito. Dank'al sia sido en neŭtrala Svislando kaj dank'al la fakto, ke neniu Ligo de Naciaj Societoj povis enpuŝi siajn ŝanĝantajn interesojn, UEA travivis la krizon kaj savis la movadon. Kion ĝi faris por la militviktimoj esperantistaj aŭ ne, estas modesta kompare al la Ruĝa Kruco, tamen impona por sia tiama forto.

En 1921, tuj kiam refortiĝis la movado, rekomencas ĝia « reorganizo ». De tiam ĝis 1933 estis preskaŭ seninterrompe prezentataj al la kongresoj aŭ koncernaj komitatoj, iuj planoj por ŝanĝi UEA. Tiuj planoj ne venis el la membraro de UEA, sed el la kontraŭa kampo. Oni plendis, ke iuj Delegitoj ne estas anoj de Naciaj Societoj, oni plendis pri duobla kotizo, oni plendis pri ĉio por konvinki la Esperantistojn, ke la ekzisto de UEA malhelpas pli rapidan progreson de la movado. Zorge ekzamenante plendojn kaj proponojn, UEA faris ĉion por eviti malpacojn : oni esploris la membrecon al Nacia Societo de la Delegitoj, faris kontraktojn pri komuna kotizo en diversaj landoj, ŝanĝis la sistemon de liverajoj kaj forlasis profitdonajn servojn favore al iuj Naciaj Societoj. Oni eĉ akceptis monsubteni apartan oficejon de la tiama ICK (Internacia Centra Komitato de la Esperanto-movado), kies ekzisto kaŭzis pli poste la plendojn pri tro multekosta administrado internacia. La pagoj de UEA al tiu-ĉi, de ĝi ne bezonata oficejo, sumas proks. 21.000 svisajn frankojn. Unu aferon UEA tamen ne faris. Post la milito ĝi neniam prezentis propran planon de « reorganizo ». Ĝiaj tiamaj gvidantoj ja nur volis pacon kaj agadliberecon ; ili prave timis, ke la enmikso de naciaj interesoj en internacian UEA kondukos ĝin al ruino. La daŭra dudekjara batalo interesperantista perdigis al UEA multe da tempo kaj mono. Ricevinte kapitalon de Hector Hodler, la kunfondinto kaj batalinto por la libereco de UEA, la Asocia Estraro agis plene laŭ lia volo, uzante monsumojn por tiu-ĉi memdefendo. Akceptante, kun grandaj zorgoj, la Interkonsenton de Kolonjo en 1933, la tiama Komitato faris la plej ekstremajn cedojn, fidante al la promesoj de daŭra paco kaj amika kunlaboro.

La aserto de S-ro Bastien, « ke kritikinda administrado de UEA kiu formanĝis senprofite la gravajn donacitajn monrezervojn, incitis la Landajn Asociojn ludi efektivan rolon en nia Centra Asocio », estas ne vera. Vere estas, ke Generalo Sébert en Parizo malhelpis la oficialigon de UEA antaŭ la mondmilito, kiam ĝi ne havis monon ; ke per « reorganizo » oni altrudis al UEA la kontrakton de Helsinki, 1921, kiam ĝi estis riĉa, kaj ke de tiam certaj reprezentantoj de Naciaj Societoj tiom longe « klopodis ludi efektivan rolon », ĝis fine ili akaparis ĝin. Ni honoru ilian doloron, ke krom la tuta oficejo, biblioteko kaj komercajoj, ili ne ankaŭ trovis la esperitajn sakojn da oro.

Ne vera estas ankaŭ la aserto, ke la nova statuto de UEA de 1933/34 ne estis konatigita kaj laŭorde voĉdonita. Ĝi aperis en speciala numero de « ESPERANTO » (rozkolora) sendita la 5-an de Januaron 1934 al 22.000 esperantistoj (anoj de UEA kaj anoj de ĉiuj Naciaj Societoj), oni skizis la novan organizon, anoncante la baldaŭ okazontan voĉdonon de la Delegitoj. Kaj fine la Delegitoj de UEA ricevis oficialan Bultenon No. 29 kun detala elmontro de la nova statuto laŭ jura kaj ĝenerala flankoj.

Rilate la Francan Societon, oni trovas la subskribon de ĝiaj reprezentantoj en « ESPERANTO », No. 396/97, 1933. (Interkonsento de Kolonjo.) Ili konsentis kiel ĉiuj aliaj kun la principoj de Kolonjo. La ellaborado kaj voĉdonado de la

statuto laŭ tiuj principoj estis la afero de UEA. Tiom, kiom ni scias, neniu nacia societo faris gravan rimarkon, escepte la Franca. Ĉi-tiu asertis, ke ĝi estis malbone informita en Kolonjo. Ĝi postulis ne malpli, ol ke oni donu samajn membrorajtojn (escepte la jarlibro) al la aŭtomate enregistritaj anoj de la Naciaj Societoj (Landaj Asocioj), po Sv. Frk. 0.50, kiel al la aktivaj membroj, kiuj libervole pagas Sv. Frk. 5.— aŭ plimulte. Akcepto de tiu ruiniga principo estus foriginta unu el la lastaj allogiloj pagi decan kotizon.

Sub la premo de tiu propono malfermiĝis la Kongreso en Stockholm, 1934. La forelekto el la komitato de meritplenaj antaŭaj Komitatanoj tuj montris, kia bonvola spirito regas la animojn de certaj novaj komitatanoj. Vidinte la maleblecon de paca kunlaborado, la reelektita Prezidanto Stettler tuj demetis sian oficon, kaj sekvis lin S-ro Hans Jakob, la Direktoro.

---

Ne estas nia tasko prijuĝi la antaŭajn gvidantojn de UEA. Sed, ĉar temas pri niaj samlandanoj, ni rajtas atentigi, ke dum ilia oficado la Asocio laboris efike kaj pace, la membroj ricevis sian jarlibron, la Komitato regulajn raportojn kaj informojn. La rajtoj de la membroj estis respektataj, ĉiu voĉdonadoj dece publikigitaj kaj organizitaj. La kapitalo estis honeste uzita. Multe formanĝis la postmilita epoko kun kotizoj malaltvaloraj; parto estis uzita por la alpagoj al la ICK; parto estis perdita pro kurzfalo en Britlando, Usono, Germanujo, Francujo kaj tuta Balkano; parteto elspezita por la konferencoj kaj presaĵoj kiujn necesigis la daŭra maltrankvilo pri **« reorganizo »**. Liverante multe al la membroj, la tiama UEA havis pli da ŝanco trovi novajn amikojn, ol per nenionfarado, kiel dum la pasintaj du jaroj. Ankaŭ ni scias, ke tiam grandaj monsumoj estis testamente certigitaj, de svisaj membroj.

En diversaj deklaroj post akcepto de la Prezidanteco, S-ro Bastien juĝis oportune kritiki siajn antaŭulojn, verŝajne por ke despli brilu sur la nigra fundo liaj propraj meritoj. La atakitoj, malestimante tiaspecan procedon, silentis.

*Estas nia devo, konstati solene, ke neniu antaŭa funkciulo de UEA, neniu Sviso agadis tiamaniere kontraŭ la nova Prezidanto. En tuta konfido oni lasis lin funkcii, ĝis lia neakceptebla regadmetodo devigis nin al protesto.*

Kelkaj membroj en Ĝenevo, subtenataj per pli ol 50 subskriboj, kolektitaj en Svislando, protestis :

*a*) la 4-an de Aprilo, KONTRAŬ DECIDO DE LA KOMITATO, TRANSLOKIGI LA OFICEJON KAJ SEKVE LA SIDEJON DE UEA AL LONDONO, POR KE S-RO GOLDSMITH POVU FARIĜI DIREKTORO.

*b*) la 10-an de Julio, KONTRAŬ VOĈDONADO DE LA DELEGITOJ, SENZORGE KAJ TIOM RAPIDE FARITA, KE AL LA NEKONSENTINTAJ MEMBROJ MANKIS EBLECO KLARIGI SIAN VIDMANIERON AL LA VOĈDONONTAJ DELEGITOJ.

Samtempe oni protestis kontraŭ la nova statutparagrafo, la teksto de la frazo proponita estante jure sensenca rilate al posta frazo de la sama artikolo (vidu sekv. paĝon).

La rajton plendi havas ĉiu aktiva membro de UEA, kiu opinias ke iaj decidoj estas kontraŭ la leĝo aŭ la statuto. Kaj ni iris al la kompetenta Tribunalo, konante la intencon de la Estraro, tuj fortransportigi la oficejon.

Temis do ĉefe pri la problemo, ĉu ŝanĝo de la sidejo kaj jura stato de UEA estas oportuna aŭ ne. La demandon ni ne pritraktos ĉi-tie, sufiĉu atentigi, ke la ĉefmotivo por la transporto, nome

l a  t r o  a l t a j  p r e z o j  e n  S v i s l a n d o,  f o r f a l i s  n u n t e m p e,  p r o  m a l p l i i ĝ o  d e  l a  s v i s a  v a l u t o.

Ne la problemon, pri kiu oni povus diskuti tute amike, ni submetis al la Tribunalo; sed *ni protektigis la rajtojn de la membroj de UEA kontraŭ la diktatoraj procedoj de ĝia Prezidanto.*

A) En cirkulero de la 25-a de Februaro 1936 la prezidanto informas la komitatanojn :

« Laŭ nia statuto la sidejo de nia Asocio devas resti en Svislando. Tiu argumento estas malpli forta ol ĝi ŝajnas unuavide ; kaj laŭ opinio de diversaj kompetentuloj ni povas senriske translokiĝi. »

La Prezidanto do ne opinias utile, diri klare al la Komitatanoj, ke la sidejo estas fiksita en la statuto, kaj sekve de tio, ke necesas statutŝanĝo.

Sen plia rimarko de la Prezidanto estis aldonata al la cirkulero « Memorando pri la gvidado de la Movado », februaro 1936, de S-roj Malmgren (Stockholm), Petit (Paris) kaj Goldsmith (London). Tie oni legas :

« *Do, ni proponas la translokiĝon de la Ĝeneva Centro. Ni scias, ke laŭleĝe la sidejo de la Asocio devas resti en Svislando, sed ŝajnas al ni, ke tio estas facile aranĝebla. La sidejon ni translokigos en svisan bankon, kie ni lasos etan sumon, kaj ĉio estos en ordo.* » — *La ruzuloj* !

Kiel kutime, S-ro Bastien pretekstis gravan urĝecon por siaj cirkuleroj, kaj fiksis por decido de grava organizplano, de ebla translokigo, de elekto de Direktoro, tempon de 17 tagoj.

Ricevinte la konsenton de plejparte timigitaj Komitatanoj, neniel atentante la averton de la svisa komitatano kiu postulis la necesan statutŝanĝon, la Prezidanto ordonas la forlokigon de la oficejo. Plie li, aŭ la Estraro, trankvile fordonacas la valoran bibliotekon de UEA al la Aŭstria Nacia Biblioteko !

B) Post kiam la apero de tribunala oficisto en la oficejo de UEA komprenigis al la Prezidanto, ke ekzistas konstituciaj rajtoj, li retrovas la virtan vojon kaj aranĝas voĉdonadon de la Delegitoj. Statutŝanĝo devus esti unue *prikonsiderata* kaj *voĉdonita de la Komitato*, kaj poste *submetata al la Delegitoj*. Eble estis tro ĝene repreni serioze la fuŝitan aferon antaŭ la Komitato, eble urĝis la tempo kiel kutime. Certe estas, ke la Direktoro ricevis ordonon okazigi voĉdonadon plej rapide, kaj eĉ forsendi parton de la voĉdoniloj per aerpoŝto. La surprizitaj Komitatanoj, kiuj estus devintaj decidi antaŭe pri preciza teksto, ne sciis pli multe pri la afero ol tio, kion la Prezidanto persone bonvolis konatigi en « ESPERANTO », marta eldono. Ni nek revenu al la intencita malebligo respondi al la prezidantaj informoj, nek al la multaj formmankoj de la procedo.

Sed estu konigata ĉi-tie la kompleta teksto de la nova statutartikolo. Eĉ tiun « detalon » la Prezidanto ja forgesis klare diri al la voĉdonantoj.

*Malnova artikolo 5.*

La sidejo de UEA troviĝas ĉe ĝia Centra Oficejo, en Genève, Svislando... La komitato rajtas translokigi la oficejon en alian svisan lokon. *UEA deklaras sin asocio kun celo ideala, je ne limigata daŭro, en la senco de la art. 60 de la svisa civila kodo. Sekve ĝi ĝuas la rajtojn de jura persono.* Por certigi tiujn rajtojn, la Komitato povas laŭbezone enskribigi la Asocion en- kaj eksterlande en la ŝtatajn registrojn por societoj.

*Nova artikolo.*

La Sidejo de UEA troviĝas ĉe ĝia Centra Oficejo, en London, Anglujo... La Komitato rajtas translokigi la oficejon en alian anglan lokon. *UEA deklaras sin asocio kun celo ideala, je ne limigata daŭro, en la senco de la art. 60 de la svisa civila kodo. Sekve ĝi ĝuas la rajtojn de jura persono.* Por certigi tiujn rajtojn, la Komitato povas laŭbezone enskribigi la Asocion en- kaj eksterlande en la ŝtatajn registrojn por societoj.

En la nova statutartikolo oni do deklaras sidejon en Londono kaj trankvile daŭrigas diri, ke UEA volas ĝui rajtojn laŭ la svisa kodo.

Tia malspritaĵo ne sole senvalorigas la koncernan artikolon, ĝi malseriozigas la tutan statuton. Ĉu vere la Ĝenevanoj estas formalistoj, pedantoj aŭ malamikoj de UEA, se ili malakceptas tiaspecan gvidadon de la aferoj ?

C) Kio okazis dum la *Kongreso en Vieno,* Aŭgusto 1936, tion ni nur scias el kelkaj dokumentoj ricevitaj. Laŭ komitata raporto oni plendis pri nerepago de la UEA-respondkuponoj. La vero estas, ke ilia valoro finiĝis dum *Decembro* 1935, kaj ke poste S-ro Kreuz, sub la nova administro, ilin plilongigis ĝis *Decembro* 1936. Ĉu do la malnova Direktoro respondecas pri tio ? — La eldonado de kuponoj intersocietaj por faciligi korespondadon estis siatempe salutata de la Esperantistaro kiel plenumo de granda deziro. UEA ne riĉiĝis per ili, ĉar la preskostoj egaliĝis kun la profiteto ; la ŝtataj kasoj ne perdis pro sumetoj seninteresaj por ili. Tiu-ĉi iniciato estas nun riproĉata al la malnova administro, malatentante ke la statuto de 1934 speciale mencias la kuponojn en art. 67. Plie oni nun punas la membrojn, ĉesigante la utilan servon.

La ĉefa problemo, nome la translokiĝo al Londono, estis motivata kiel antaŭe per la malbona financa stato de la Asocio. Pro manko de publikigataj seriozaj ciferoj ni ne konas ĝin. Estu nur konstatate, ke kiam la Asocio transiris al la nova Estraro (1934), ĝi ne estis riĉa, sed disponis pri rimedoj plene egalbalancantaj la ŝuldojn, havis grandajn provizojn da presaĵoj ĉiuspecaj, kaj intaktan moralan bonfamon. La afero estis ĝuste tia, kian la antaŭa Komitato ĝin estis koniginta al la membroj : *ne brila, neniel malespera.* Ni scias, ke pro gravega malsano de la antaŭa Direktoro (funkciinta ĝis 1934), la oficejo kaj kelkaj libroj faris malbonan impreson. Tiu bedaŭrinda fakto tamen ne pravigas malestimi la grandajn meritojn de Direktoro, al kies iniciato kaj mirinda laborforto UEA dankas belajn jarojn de vigla funkciado.

Povas esti, ke la nuna malbona financa stato devenas ĝuste el manko da ideoj, kaj el la allaso de membroj po Sv. Frk. 0.50 preskaŭ plenrajtaj. Tiu decido el Köln, 1933 estis neniel nova sed jam prikonsiderita en la Komitato dum 1912 aŭ 13, kaj tiam forigata kiel danĝera.

La stranga decido de la Komitato en Vieno *« rezigni por eviti baldaŭ timotan katastrofon, kaj fondi novan Asocion »,* estis prenita de 9 aŭ 10 Komitatanoj. Ne vidiĝas klare, ĉu la antaŭa komitatano, kaj tiama direktoro Goldsmith, devas esti kalkulata inter ili aŭ ne. Inter tiuj dek sidis supozeble la tri ruzuloj, kiuj dum Februaro konsilis la faman translokigon, lasante etan sumon en svisa banko !

Per sia cirkulero de la 18-a de Septembro, Prezidanto Bastien konigas al la mondo la decidon de tiuj 10 personoj, kiel « komitatan decidon ». La Prezidanto do ne scias, aŭ ne volas scii, ke *« decidoj je kiuj partoprenis malpli ol 3/5 de la Komitato, valoras provizore, kaj devas poste esti submetataj al nova voĉdono ».* Ĉu pedantaĵo de la statuto, aŭ ĉu saĝa postulo, por ebligi al ĉiuj Komitatanoj partopreni voĉdonadon ?

Ni konstatas :

1) ke el la 31 komitatanoj (laŭ jarlibro 1936) kaj ne kalkulante la Germanojn, kunsidis kaj voĉdonis en Vieno 9-10 personoj. Eĉ se oni nur kalkulas 30, la 3/5 estus 18 !

2) ke post la Viena kongreso okazis neniu voĉdonado de la Komitato.

3) Sekvas : Prezidanto Bastien ne demandis la konsenton de la ceteraj komitatanoj, kiuj ne povis partopreni la kongreson. La decido de Vieno estas do nur provizora. La ŝajnigo de valida findecido en la cirkulero, kaj la malebligo al la oficejo plue funkcii, estas gravaj agoj kontraŭ la Asocio, por kiuj fariĝas respondeca ilia aŭtoro.

La unuanima decido de la Komitatanoj en Vieno devas doni la impreson, ke nur restis tiu solvo. Fakto estas, ke dum 1934, kiam ekfunkciis la nova administrado, neniu postulis la translokiĝon. Plej verŝajne estas, ke ankaŭ nuntempe estus troviĝinta alia solvo, kondiĉe ke oni bonvolu aŭdi la kontraŭajn argumentojn. Sed post la morto de S-ro Kreuz, la Prezidanto de UEA tiom enprofundiĝis en la fiksan ideon de translokiĝo, ke ne haltigeble li puŝis al tiu-ĉi celo. Neniu do miros, ke diversaj Komitatanoj en Vieno bonkrede cedis al la prezidanta elokventeco.

Ekzistas el la kongreso de Vieno *flama protesto de Polaj membroj de UEA,* okaze publikigota, kiu konstatas, ke la unuan fojon en la historio de la Asocio ne estis submetata ia jarraporto, ke do oni devigas la membraron prikonsideri la plian ekziston de la Asocio sen precizaj klarigoj. — *Tiel oni « informis » la membrojn. Facile estas imagi, kiel estis informita la Komitato !*

4) *Post la Vieno kongreso* S-ro Bastien klopodis, ke la Ĝenevanoj retiru siajn plendojn, por ke UEA povu translokiĝi. Ĉar estis ĝuste la celo de la proceso, lin devigi al senpartia kaj serioza pritrakto de ebla translokiĝo, la Ĝenevanoj ne povis cedi. *Ne estas ilia kulpo, se per metodoj en neniu societo aŭ ŝtato tolereblaj, la Prezidanto volis altrudi sian volon.* Nenio cetere malhelpis lin, atendi la baldaŭan tribunalan decidon, kaj per deca repreno de la afero forgesigi sian troan fervoron.

Multaj faktoj antaŭ 1934, kiel diversaj okazintaĵoj poste (ni nur menciu la strangan elekton de Direktoro), klariĝas,

se oni scias, ke ili formas unu linion de evoluo. Estas la teorio pri neceso kaj ebleco de absoluta regado de la movado pere de kelkaj potenculoj. Kiu imagas la movadon de la pacaj batalantoj kvazaŭ ili estus militistoj, al tiu la kuniĝo de liberaj homoj, regantaj sin mem, ŝajnas nete malutila, kaj la pretendo al celoj idealaj, minimume super-flua.

*Tiun koncepton ni malakceptas kiel kontraŭan al la ideoj de la Majstro.* Sed ni konstatas, ke ĝi estas treege laŭtempa. Tamen, ŝtato eble povas vivi per ordonoj, privata movado ĉiam dependas de ordigita bonvolo.

La Ligo nun ekzistas ; en ĝi la Generalo ne plu bezonos timi reziston de modestaj membroj. La Ligo havas sencon, kiel la antaŭa « Konstanta Reprezententaro », kaj trovos laboron. Sed por ĝin krei ne necesis la penado, mortigi UEA.

* * *

**La foriro de l'Generalo**

Post la hejmvojaĝo de la Prezidanto el Vieno, nenio okazis en Ĝenevo ĝis la 1-a de Oktobro, kiam venis letereto de la lasta oficistino de UEA al S-roj Bouvier kaj Richez (citanta el letero de S-ro Goldsmith al ŝi) ; ...

« Ke estas la lasta ĉeko, kiun li povas subskribi por ŝi, ĉar nun la afero estas en la manoj de la plendantoj ».

Ŝi informiĝis ĉe la advokato de UEA, kiu konsilis al ŝi transdoni la ŝlosilojn al la plendantoj, por ke ili faru la neceson.

Poste nenio plu, eĉ la advokato nur sciis, ke la Prezidanto rezignis al plua defendo antaŭ la Tribunalo. Tial la Ĝenevanoj devis demandi S-ron Bastien, per letero de la 9-a de oktobro, ĉu li ankoraŭ sin konsideras Prezidanto aŭ ne. En sia respondo de la 11-a de oktobro li denove apogas sin trankvile sur la *« unuanima decido » de la ĉeestintaj Komitatanoj en Vieno.* Plie li skribas :

*« Kiam mi sciis, ke F-ino Rivollet (la laste laboranta oficistino) estis transdoninta la ŝlosilojn de la oficejo al la plendintoj, mi kredis min libera, kaj mi sendigis al ĉiuj Komitatanoj — funkciantaj aŭ fordonintaj sian oficon — cirkuleron de la 6-a de oktobro, anoncante mian eksiĝon kiel Prezidanto, Estrarano kaj Komitatano de UEA. »*

Okazis do, ke Prezidanto de UEA, por rompi laŭleĝan reziston de kelkaj membroj, ne trovis manieron pli decan ol inciti siajn kolegojn al eksiĝo, prezenti al la publiko tiun agon kvazaŭ ĝi estus valora komitata decido, poste malaperi mem kaj postlasi la Asocion al fraŭlino, kiu transdonu la ŝlosilojn al ... la protestintoj. Kontenta pri tiu glora venko, li zorgas por rapida ekkreo de konkurenca societo, kiun li gvidados.

**Neniam en la esperantista historio okazis tia skandalo. La junajn sekvojn tiros la juĝisto, la moralajn la Esperantistaro.**

Foriris la Generalo. Vivu la armeo !

## LA NUNA SITUACIO

Estas klare, ke la eksiĝo de Prezidanto kaj Komitatanoj ne forigas ilian respondecon financan kaj moralan, tiom por la gvido de la Asocio, kiom por ebla domaĝo kaŭzita per subita forlaso de honorofico. Prezidantaj respondecoj ne estas forŝoveblaj sur la ŝultrojn de malfeliĉa oficistino. Sekve : UEA ekzistas, konstatas la eksiĝon de la Prezidanto, rezervante ĉiujn rajtojn kontraŭ li, kaj devas fari novelektojn. Se nova komitato aŭ almenaŭ afergvidantaro ne estus konstituebla, tiam la Asocio devus likvidi. En tiu okazo estus la tasko de S-ro Generalo, transdoni la Asocion al ŝtata kuratoro, ĉar tiu-ĉi sinjoro ne akceptus oficistinon (jam fordungitan) por tiom grava tasko !

UEA estas forlasita kiel infano, kies plua eduko ne plu interesas la gepatrojn. Tial konstituiĝis en Svislando *Provizora Komitato de UEA,* por intertempa gvidado.

*Ni ne povas kredi, ke estas la volo de la Esperantistoj, ke nia kara kaj antaŭ kelkaj jaroj brila UEA estu mortigata. Grandan utilon ĝi faris al la movado, bonajn servojn ĝi ankaŭ povos fari estonte.* La nova Ligo, se ĝi estas serioze kaj en esperantista spirito prezidata, ne estas malhelpo. La Naciaj Societoj bezonas centron, kaj ni reciproke konfesu, ke ilia alligo al UEA, tiel kiel oni ĝin konstruis en Kolonjo, estis eraro. Se troviĝos daŭra interkonsento kun la Ligo, tiam eble ĉesos la multjaraj organizaj projektoj kontraŭ UEA, tiam espereble oni estos lerninta el la sperto.

Reprezentantoj de nia Komitato reprenis la orfan oficejon de UEA la 6-an de Oktobro, en ĉeesto de Tribunala oficisto, kiu kunsubskribis la protokolon. *Pri la situacio ni povas momente nur diri, ke modesta plua funkciado de oficejo estas ebla.* Unue ni klopodos daŭrigi la eldonadon de « ESPERANTO ». Adapto de la statuto al la novaj vivkondiĉoj venos pli poste ; ne estas ja nia kulpo se manko de fideleco de la Prezidanto al sia societo devigas al provizora ekzisto. *Ĉiel ajn UEA konservos sian respublikan konstitucion kaj la supernacian spiriton.* La lingvo Esperanto, kiel nura praktika interkomprenilo, ne montris sufiĉan varboforton. La malrapida progreso de la movado devenas grandparte pro nia manko da kuraĝo, *konfesi la kredon al la tuthoma solidareco,* sen diferenco pri nacio, raso kaj religio. Dum pro konataj kaŭzoj la Naciaj Societoj ne estas liberaj en tiu rilato, *ni membroj de UEA kolektiĝu sub la sankta standardo de Zamenhof.* Ni organizu nin, kaj agu laŭ liaj ideoj. Malŝatataj ili estas nun, malfortaj kiel la nuna UEA. Sed *ĉiam profunda konvinko finvenkis perforton, kaj oferado por idealo pruviĝis pli daŭra ol okazaj pagoj por materiaj interesoj.*

UEA, agante laŭ siaj nunaj eblecoj, *restarigos gazeton, interrilatojn, servojn laŭpove.* Ĝi ne povas promesi al vi profiton. Sed *ĝi apelacias al vi, malnovaj kaj ĝisnunaj komitatanoj, Delegitoj kaj Membroj, ke vi*

**savu ĝin, por savi la Zamenhofan idealon.**

Kun sinceraj, samideanaj salutoj,

UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO.

Por la provizora Komitato :

K.M. Liniger, *prezidanto.* Renaud Richez, *vic-prezidanto.*

## Kalendaro de la okazintajoj

| | |
|---|---|
| 1932. — Aŭgusto : | Nuligo de Kontrakto de Helsinki dum la Kongreso en Paris. |
| 1933. — Junio : | Plano de Ĝenevo. |
| 1933. — Aŭgusto : | 25 jara ekzisto de UEA : Akcepto de la « Interkonsento de Kolonjo » dum la 25-a Kongreso. |
| 1934. — 1 Januaro : | Elmontro de la strukturo de la nova UEA, laŭ la « Interkonsento de Kolonjo » kaj ties kodiigo en la nova statuto de UEA, per speciala numero de ESPERANTO. |
| 5 Marto : | Elmontro de la nova statuto kaj detala klarigo al la Delegitoj, per Oficiala Bulteno n-ro 29, sendita kun la voĉdonilo. |
| 1 Majo : | Kontrolo de la voĉdono pri la nova statuto de UEA : ESPERANTO : Majo 1934, Of. Inf., p. 103. |
| Aŭgusto : | Kongreso en Stokholmo. Forelekto de meritplenaj komitatanoj. Eksiĝo de S-ro Ed. Stettler, kiel prezidanto de UEA kaj de Hans Jakob kiel Direktoro. Elekto de Generalo Louis Bastien kiel prezidanto de UEA. — S-ro Rob. Kreuz, sola direktoro. |
| 1936. — 1 Februaro : | Morto de Direktoro Robert Kreuz. Nomigo de provizora Direktoro (M. Movo). |
| 22 Marto : | Proponoj kaj decidoj pri grava plano organiza (dispartigi UEA) pri translokigo de la sidejo al Londono, donaco de la Biblioteko al Vieno, kaj elekto de nova Direktoro, S-ro C. C. Goldsmith. |
| 15 Aprilo : | Protesto de kvin aktivaj membroj de UEA ĉe la Tribunalo en Genève, pro malrespekto de societa statuto. |
| 24 Aprilo : | Decido de la Tribunalo : malpermesas transporti oficejon, disvendi havajon, forsendi bibliotekon kaj monon, eksterlanden. La oficejo sub observo kaj kontrolo de juĝeja reprezentanto. |
| 24 Majo : | Invito al voĉdono por ŝanĝi statuton. Informo pri voĉdono okazonta en la revuo ESPERANTO (elirinta 5 junio). |
| 27 Majo : | Informilo pri UEA. Klarigoj pri la vera situacio, de S-roj K. M. Liniger, Bouvier kaj Kürsteiner. |
| 4 Julio : | Kontrolo de la voĉdonado en la C.O. en ĉeesto de juĝeja reprezentanto. Konstato de gravaj mankoj en la procedo. |
| 13 Julio : | Protesto de ĝenevaj Membroj ĉe la Tribunalo |
| 12 Aŭgusto : | Kongreso en Vieno. Protesto de polaj membroj kontraŭ la procedmaniero kaj mankanta informado de la Komitato de UEA. Rezolucio proponita de polaj membroj kontraŭ la translokiĝo, transdonita al la komitato kaj de ĝi ne prezentita. Decido de la komitatanoj ĉeestintaj : Provi repaciĝon kun protestintoj. Okaze de malsukceso : Eksiĝo de la Komitato ; Forlaso de la proceso ; Fondo de nova organizajo sub federacia formo. |
| 29 » | Eksiĝo de S-ro Goldsmith kiel Direktoro de UEA, per simpla informo al oficistino restinta en la Centra Oficejo. |
| » | Fondo de la Internacia Esperanto Ligo en Londono. |
| 6 Oktobro | Transdono de la ŝlosiloj de la C.O. al la protestintoj en ĉeesto de juĝeja pedelo. — Akcepto de la ŝlosiloj sub ekstrema rezervo, protokolita. |
| 9 » | Konstituiĝo de Provizora Komitato de UEA. Prezidas : K. M. Liniger, Bern ; Renaud Richez, Genève, Vicprezidanto. |
| » | Formala eksiĝ-deklaro de la prezidanto, S-ro Generalo Bastien, per letero al la Prov. Komitato. |
| 24 » | Elmontro de la situacio per cirkulero flanke de la Prov. Komitato al la Esperantistaro. |
| 27 » | Juĝo de l'Tribunalo Ĝeneva : Nuligo de l'decido de la komitato de UEA, 22.3.36. |
| 3 Novembro : | Juĝo de l'Tribunalo Ĝeneva : Nuligo de la voĉdono de l'24 Majo-5 Julio. |

## Universala Esperanto-Asocio




Centra Oficejo :
1, Tour de l,Ile, GENÈVE, Svisl.

### Oficiala Informilo

28-a Administra Jaro 1935/36
N-ro 10 — Aŭg.-Okt.

*Transdono de la ŝlosiloj.*

Je la 6-a de oktobro kunvenis en la Centra Oficejo kelkaj personoj por procedi al la transdono de la ŝlosiloj de l'Oficejo. Ili faris la jenan protokolon :

« La 6-an de Oktobro 1936 la subskribintoj Paul Bouvier, dumviva membro kaj Delegito ; Eugène Pacthod, Tribunala pedelo, Hans Jakob, S-ino Madeleine Stakian-Vuille, ambaŭ aktivaj membroj de UEA kaj F-ino Renée Rivollet, oficistino, kunvenis en la Centra Oficejo de UEA, Tour de l'Ile, 1, por procedi al la transdono de la Oficejo al la protestintaj membroj en Genève.

Post enkondukaj vortoj de S-ro Paul Bouvier, kiu reprezentas la protestintojn, F-ino Rivollet informas la kunvenintojn pri letero de Sinjoro Goldsmith, en kiu li diras ke la afero estas nun en la manoj de la protestintoj. Post informiĝo ĉe la advokato de UEA, Magistro Simon, tiu-ĉi komisiis F-inon Rivollet transdoni la ŝlosilojn de la Oficejo al la protestintoj.

Post tio oni pasas al la formala transdono. Ĝenerala supervido de la Oficejo donas la impreson, ke troviĝas ĉio, kio apartenas al ĝi : mebloj, materialoj, dokumentoj. Pri la mona havajo de UEA, aparta listo estas farita kaj konfirmita de la subskribintoj.

La subskribintoj deklaras per tio akcepti la ŝlosilojn de la Oficejo sub ĉia rezervo pri la interna kaj financa stato de la Asocio. »

Por la protestintaj membroj de UEA : *Paul Bouvier.*
Du aktivaj membroj : *Hans Jakob. Madeleine Stakian-Vuille.*

La pedelo ŝarĝita de la Tribunalo por la observo l' oficejo : *Eugène Pacthod* huissier.

*Provizora komitato de UEA.*

Je la 9-a de Oktobro 1936 kunvenis en la Centra Oficejo de UEA la aktivaj membroj en Genève, por diskuti la situacion kreitan pro la subita forlaso del' Asocio flanke de ĝiaj reprezentantoj laŭstatutaj. Post raportado kaj diskutado formiĝis

*Provizora komitato*

sur bazo de la Svisa Obligacia Kodo, ĉap. 14. Ĝi konsistas el la jenaj samideanoj :

S-ro K. M. Liniger, oficisto en la Financa Ministerio, Bern (Prezidanto) ;

S-ro Renaud Richez, oficisto en la Sekretariejo de la Ligo de Nacioj, Genève (Vicprezidanto) ;

Anoj :

S-ro Paul Bouvier, oficisto, Genève ;

S-ro Ernest Hediger, oficisto en la Internacia Labora Oficejo, Genève ;

S-ro H. H. Kürsteiner, komercisto, Sankt Gallen ;

S-ro Charles Rosen, reprezentanto, Genève ;

S-ro Paul Trembley, inĝeniero, Genève.

# Esperanto en Germanlando

Kutimita je ĉiaspecaj surprizoj ankaŭ la mondo esperantista akceptas sensaciajn novaĵojn kun anima trankvileco aŭ eble indiferenteco. Tial la informo pri malpermeso de Esperanto en Germanlando ne elvokis profundan partoprenon. Kaj tiu ĉi malpermeso estas ja multe pli grava ol estis ĉiuj sortobatoj kune dum la historio de nia movado. Ni konsciiĝu, ke temas pri plej grava lando, kie nia movado kalkulis seriozajn defendantojn, multajn kuraĝigojn flanke de registaroj, unuvorte ĉion kion movado bezonas. La nuna malpermeso de nia movado en tia lando havos sekvojn, kiujn eĉ plej erudita spirito ne povas antaŭvidi nun. Por ekkoni la malbonon valoras analizi la tutan evoluon de 1933 ĝis 1936. Multaj informoj ofte sin kontraŭdirantaj ne faciligas al la publiko klaran komprenon de la materio.

*Esperanto = judaĵo.*

Por kompreni ĉi-tiun situacion ni devas reiri al la origino, nome al la principa sinteno de l'oficiala Germanujo al internaciaj, supernaciaj kaj ĝenerale mondumaj klopodadoj; je la principa kontraŭeco al kreaĵoj de judoj kaj ĉefe al kreaĵoj de mondpercepta karaktero. Ĉi-tiun kontraŭecon je nia klopodado esprimas la gvidanto Adolf Hitler en sia libro *Mein Kampf*, paĝo 337 (eldono 1932, 12-a), per la jenaj vortoj :

« *Solange der Jude nicht der Herr der anderen Völker geworden ist, muss er wohl oder übel deren Sprachen sprechen, sobald diese jedoch seine Knechte wären, hätten sie alle eine Universalsprache (z.B. Esperanto!) zu lernen, so dass auch durch dieses Mittel das Judentum sie leichter beherrschen könnte.* »

En Esperanto tio sonas tiel :

« *Tiom longe la judo ne fariĝis estro de la aliaj popoloj li devas vole nevole paroli iliajn lingvojn; sed de tiam kiam ili estus liaj servuloj, ili ĉiuj devus lerni universalan lingvon (ekzemple Esperanto!) tiel, ke ankaŭ per tiu ĉi rimedo la judaro povus pli facile estri ilin.* »

Estas senutile mediti nun, ĉu, se ekzemple la aŭtoro de la lingvo *ne* estus judo, Esperanto trovus gracon en la Tria Regno. Versimile *ne*, ĉar restus ja ĉiam ĝia supernacia karaktero kaj aliaj trajtoj, nekonformaj al la nacisocialisma dogmaro.

Ofte aŭditaj riproĉoj estis kaj estas, ke Esperanto ne nur estas juda verko, sed ke ĉio en la movado estas estrata de judoj. Utilas do, ke ekzistu objektiva juĝo pri ĉi-tiuj asertoj, kiuj ofte malhelpas la laboradon por nia afero.

*Nacisocialismo kaj E-movado.*

Ekstrema naciismo kaj movado por enkonduko de internacia lingvo *ne* estas akordigeblaj. Ne nur ŝajne, sed fakte! Ĉiuj provoj de bonintencaj amikoj, pentri la situacion pli favore estas kondamnitaj al malsukceso. Rerigardante trijaran evoluon de l'nuna reĝimo en Germanujo oni konstatas kiom pravaj estis la timoj de spertuloj, ke baldaŭ sonos la mortsonorilo de Esperanto. Nun, ke la bato falis, valoras ke oni esploru la historian veron.

La Esperanto-Movado en Germanujo, ĉiam bone organizita kaj serioza, montris la kutiman trajton. Unuflanke ni vidis la neŭtralan senpolitikan Asocion Germanan, kies nura celo estis la propagando de la lingvo, la penado por akiri rekonon ĉe la aŭtoritatoj, la formadon de instruistoj, de propagandistoj, la organizadon de la grupoj k.t.p., sed aliflanke ekzistis la forta (kaj eble la plej forta, proporcie) *laborista* E-movado, kune nete politika tendenco. La ŝanĝitaj tempoj post la milito, ĉefe la detruo grandparta de la mezaj klasoj, sekvigis la absolutan kreskon de la laborista movado, kiu havis sian centron en Leipzig. Pure lingva institucio, scienca arkivo kaj centro estis la Esperanto-Instituto en Leipzig, kiu en la brilaj tagoj floradis kaj atingis eĉ atentindan favoron ĉe la registaro.

Venis la nacia revolucio en 1933. Malaperis tuj la Laboristaj organizaĵoj. La kelkmil aktivaj anoj de tiu ĉi movado estis disblovitaj, la havaĵoj de l'organizaĵoj supozeble estis konfiskitaj.

La Germana Asocio, kvankam nepolitika (en la senco esti kontraŭŝtata) devis adapti sin al certaj kondiĉoj, devenintaj el la politika ŝanĝo. Estis la fama SAMDIREKTIGO, vorto kiu ne tute precize esprimas la *Gleichschaltung*, t.e. forigo de la individueca, liberecaj kaj popolrega principoj. La kongresanoj en Kolonjo 1933 havis okazon vidi ĉi-tiun procedon dum la samtempe okazinta kongreso de la GEA. Ĉi-tiu samdirektigo fakte ne multon ŝanĝis en la aspekto de la Asocio — plia pruvo ke la GEA ne havis politikan karakteron. — Kiel gvidanto (eĉ tiun ĉi vorton oni akceptis por esprimi — *Führer)* estis aklame alvokita S-ro Arnold Behrendt. Sed ripetiĝas malnova, tre malnova fenomeno. Sprita franco diris foje : *On est toujours le réactionnaire de quelqu'un* (oni ĉiam estas reakciulo por iu alia). Stariĝis elementoj pli naciismaj ol estis S-ro Behrendt (kiu verdire ja vidis ĉion tra germana okulvitro), kiuj devigis lin rezigni sian oficon. Efektiva nacisocialisto, S-ro Kurt Walther en Dresden transprenis la certe ne enviindan taskon de estro aŭ gvidanto de la GEA, kun la granda plezuro batali kontraŭ du frontoj, por uzi la tiom ŝatatan militan terminon. Nome : Fondiĝis societo kun la titolo « Neue Deutsche Esperanto-Bewegung » (NDEB) kun absolute nacisocialista karaktero. Se en la komenco, la GEA ankoraŭ toleris judojn inter siaj vicoj (vere ne estis multaj), la NDEB forigis ilin senkompate. La GEA, konsiderita kiel resto el la « aĉa » tempo liberalisma, tuj devis sperti la plimalboniĝon de la situacio. *Konservi* la ankoraŭ ekzistantajn esperantistojn, *konvinki* la novajn estrojn de la regno pri la utilo kaj boneco de la lingvo, pri la blankeco de ĝiaj defendantoj, *kontraŭstari* atakojn pro nesufiĉa naciismo, ĉio ĉi ja estis herkulesa laboro, inda je pli bona sukceso. Metode la nova estro de la movado klopodis savi la aferon. Nova statuto, konforma al la principoj de la nacisocialismo estis verkitaj. Al Judoj, pacifistoj, kaŝitaj kontraŭuloj de la nova reĝimo estis malebligataj la aliĝo al la GEA per preskaŭ polickaraktera deklaro. Ĉiel oni penadis sin konformiĝi je la reganta situacio. Bonvolaj esperantistoj en eksterlando sincere helpis, tiom kiom permesis la cirkonstancoj. Sed ĉu estas eble kunigi pace fajron kun akvo ? Spertaj homoj antaŭvidis, ke ĉio tio estas kaj restos vana. Kaj la realeco ilin pravigis.

*La malpermeso de Esperanto.*

Kiel logika fino de la tuta evoluo aperis dum Februaro 1936 dekreto, ke anoj de la ns. partio kaj de ĝiaj suborganizaĵoj ne rajtas partopreni societojn por propagandi internacian lingvon. Rimarkinde estas, ke tiu ĉi dekreto ne venis de iu ministerio, sed de la aganta forto en Germanlando, de la

nacisocialista partio. Necesas kaj utilas ke tiu ĉi dokumento, gravega en la historio de nia movado estu konata :

Der Stellvertreter des
Führers : München, Ende Februar 1936.
Anordnung : 29-36.

« Da die Schaffung einer internationalen Mischsprache den Grundanschauungen des Nationalsozialismus widerspricht und letzten Endes nur im Interesse überstaatlicher Mächte liegen kann, verbietet der Stellvertreter des Führers allen Parteigenossen und allen Angehörigen der Gliederungen der Partei die Zugehörigkeit zu Kunstsprachenvereinigungen aller Art.

« Unter dieses Verbot fallen in erster Linie « Der Deutsche Esperanto Bund », die Neue Deutsche Esperanto-Bewegung und der Deutsche Ido-Bund. »

München, den 18 Februar 1936. Bormann.

*(Traduko.)*

Ĉar la kreo de internacia mikslingvo estas kontraŭ la fundamentaj principoj de la nacisocialismo kaj povus nur finceli interesojn de superŝtataj potencoj, la anstataŭanto del' gvidanto malpermesas al ĉiuj partianoj kaj al ĉiuj anoj de subformaĵoj de la partio, la apartenon al ĉiaspecaj societoj de artefaritaj lingvoj.

Sub tiu ĉi malpermeso falas unuavice la « Germana Esperanto-Asocio » la Nova Germana E-Movado » kaj la « Germana Ido-Asocio ».

Konsterno ekaptis la esperantistojn en Germanujo. Post trankvila ekzameno oni konkludis, ke malgraŭ tio oni devus daŭrigi la laboron, kvankam granda parto de la anoj devas eksiĝi. Pli malpli ĉiuj ja estas rekte aŭ malrekte aligata al la ns. partio. En la unua momento la afero ne estis bone komprenita. Por la GEA ekstaris grava fakto : La gvidanto Kurt Walther laŭ tiu ĉi dekreto ne plu rajtas partopreni.

La Germana Esperanto Kongreso estis decidita por Weimar, la urbo de Gœthe kaj Schiller. Simbola. Kion fari ? Ĉu daŭrigi, ĉu simple fermi la butikon, jen demando, kies solvo postulis klaran kapon kaj malvarman sangon. La agantoj de la GEA, plene konsciaj pri la graveco de rapida decido kaj same konsciaj pri ilia blankeco rilate al novaj tendencoj, *ne* cedis simple sed okazigis la kongreson, akceptigis proponon daŭrigi la Asocion, elektis S-ron Thieme kiel afergvidantan prezidanton kaj decidis denove apelacii al la decidantaj povoj.

Ĉio ŝajnis favora. Kaj jen *antaŭ* la Olimpiaj Ludoj venis la dua bato : Malpermeso de ĉia organizaĵo esperantista. Ĉi tiun fojon la formo kaj fonto de la malpermeso estas aliaj. Estis la estro de la Sekreta Ŝtata Polico, la GESTAPO, potenca ilo en la mano de l'reĝimo, kiu dekretis, ke ĝis la 15-a de Julio 1936 ĉia grupiĝo esperantista devas ĉesi sian agadon. La provizora prezidanto de la GEA, S-ro Thieme devis tion anonci en konvena formo. Kion fari ?

Je la 15 de Julio 1936, la Germana Esperanto-Asocio, fondita en jaro 1906 post tridekjara ekzisto, ĉesis sian agadon. Kortuŝa estas la adiaŭa cirkulero de la lasta prezidanto al la anaro. Bela agado trovis sian finon.

Kun GEA ankaŭ UEA devis ĉesigi sian agadon en Germanujo kaj fermi sian oficejon, kiu de 1936 troviĝis kune kun tiu de la GEA.

*La sekvoj de la malpermeso.*

Parolante pri la sekvoj de tiu ĉi tiom grava okazaĵo ni devas ekzameni unue, kio ekzistis en Germanujo, laboranta aŭ sin okupanta kun Esperanto. La viktimoj estas do la Germana Asocio, la Nova Esperanto Movado, la Esperanto Instituto en Leipzig (tiu ĉi tre verŝajne fermis sian pordon) kaj iuj fakaj organizaĵoj malpli konataj. Ĉesigis sian agadon la librejoj konataj : Ellersiek en Berlin, Hirt & Sohn en Leipzig kaj « Heroldo de Esperanto ». La provizoj de libroj estis parte venditaj kiel makulaturo, parte al eksterlando je prezo malaltega.

Tiel finis la gloro de Esperanto en Germanlando. Por iuj samideanoj tiu ĉi fino estas pli ol tragedia, ekzemple por la eldonisto Ellersiek, la redaktoro kaj eldonisto Teo Jung.

El okazaj taggazetaj informoj oni povis legi pri arestigo de tiu aŭ alia esperantisto. Por eviti ĉian ĉagrenon, nomoj ne aperas tie ĉi. Oni povas konkludi tre facile, ke post kelkaj jaroj, ne plu troviĝos esperantistoj en Germanlando.

*Sinteno de la germanaj esperantistoj.*

Aperis dum Januaro 1936 en la gazeto « Fridericus » senfine malsprita artikolo pri Esperanto. Tiom malsprita, ke ne valoras eĉ diskuti pri ĝi. Inter la asertoj troviĝas ankaŭ la konata diraĵo « Esperanto en la servo de kvazaŭ sekreta internacio », kiu celas detrui spirite Germanlandon ! Ekzamenante objektive la sintenon de la germanaj Esperantistoj el neŭtrala kampo, kaj memorante kiom fervore ili plej grandparte defendis sian landon, oni ja komprenas, ke la kontraŭuloj de nia afero *ne volas esti* informitaj pli bone.

Ni memorigu tamen, kiom energie la germanaj Esperantistoj serĉis defendi agojn, kiuj okazis dum la milito, klopodegis komprenigi al eksterlando per ĉiuj eblaj rimedoj la vidpunkton germanan kaj eĉ serĉis kontakton ĉe la Propaganda Ministerio de la Tria Regno por proponi siajn servojn. Ni memoru, kiom tiklemaj estis germanaj esperantistoj kiam oni iel kritikis aŭ parolis pri aferoj germanaj, kaj kiuj ne trovis aprobon, ĉar ne laŭ la oficiale aprobita vidpunkto. Kaj ni ne forgesu, ke eĉ la frazoj « Milito estas necesaĵo », « Forta popolo bezonas fortan armeon » kaj similaj trovis seriozajn defendintojn inter niaj germanaj amikoj. Kaj se foje germana pacifisto (ja tiaj ekzistis ankaŭ) aŭdigis alian voĉon, li trovis tuj tre fortan malaprobon ĉe siaj propraj samlandanoj. Ĉi tiuj linioj ne celas riproĉi sed simple konstati.

Stranga sinteno, almenaŭ por ni en negermanaj landoj, ŝajnis la tuja preteco ĉe kelkaj konataj samideanoj en Germanujo, meti sin je la dispono del' Tria Regno, pli speciale de ĝia giganta propagando. Ja ne estis kaŝita vero, ke la reĝimo estas kontraŭ ĉio, kio aspektas eĉ de tre malproksime al internacia celado. Kun stranga sento ni vidis aperi propagandfoliojn en nia lingvo, dissenditajn de saksaj instruistoj. La teksto de tiu ĉi folio estis morala vangfrapo al la kreinto de nia lingvo. Malsprita, idiota ja eĉ pli multe estis la enhavo de tiu ĉi folio, traktanta pri la judoj, kulpuloj de ĉio malbona sur nia bona tero. Verdire ni ne miru, ke aro da bonaj homoj nin forlasas kaj bedaŭras esti partoprenintaj tiun ĉi movadon. Tamen ni diru ankaŭ, ke en la vico de la germanaj esperantistoj leviĝis voĉoj de protesto pro tiu ĉi faro.

Sed kritikante la agon de tro fervoraj senpripensaj samideanoj en situacio stranga, ni ne forgesu alian fakton. Tio estas la sinteno de aro da esperantistoj eksterlandaj, kiuj sen premo

morala, sen devigo, *aprobis* tiun ĉi agadon, gratulis la iniciatintojn kaj eĉ laŭdis la asertojn kontraŭ la judoj. Kara leganto, la verkinto (kiu ne estas, nek estis judo) *ne* troigas. Tiu ĉi dokumento de homa malspriteco troviĝas en « Germana Esperantisto », n-ro 473-474, pp. 98 ĝis 101. Estas la traduko de la respondoj ricevitaj, post la dissendo de tiu ĉi folio. Oni devus demandi sin, ĉu ĉi tiuj leteroj estis efektive veraj aŭ ĉu oni aranĝis ilin laŭ la bezono momenta. Ĝis pruvo de la kontraŭo ni devos ilin akcepti kiel aŭtentikaj. Ni ne plendu la germanojn, sed ĉi-tiujn samideanojn, kiuj en sekura eksterlando sub eble popolrega reĝimo, povis tion fari. Kompatinda Zamenhof, se vi estus ĝisvivinta tion, vi estus bruliginta vian ideon kun rezignacia konstato: « Pardonu al ili, dio, ili ja ne scias kion ili faras ».

Se unuflanke la germanaj esperantistoj *ne* meritis la suspekton (eblan, ni diru !) pri manko de patriotismo, tiam aliflanke necesas fari komplimenton al la esperantista larĝanimeco. Ni reiru iom en la epokon 1919-1923. Se vidiĝis tiam en eksterlando iu germano, precipe en internaciaj kunvenoj, *tiam* li renkontis malafablajn mienojn, malvarman sintenon ja eĉ pli. Kun kelkaj esceptoj, kaj inter tiuj kelkaj esceptoj ni povas fiere diri, ke nia movado sin montris vere supernaciisma. Memoru la tempon, kiam en kongresoj internaciaj ĉe kiuj partoprenis germanoj, oni postulis de ili konfeson de kulpeco de ilia propra lando, « Pater peccavi » k.t.p. Tiun moralan premon, oni *neniam* faris en niaj universalaj kongresoj. Ja verdire, eĉ ne troviĝis iu spirita malsanulo, tion postulinta. Kaj ĉiam oni penadis eĉ en la plej malbona tempo, ke germanoj estu en la komitatoj, reprezentadoj internaciaj de nia movado. UEA oferis gravegajn sumojn por malkare liveri eldonaĵojn siajn al germanaj samideanoj dum la inflacio por ke ili havu kontakton kun la cetera mondo esperantista.

<u>*Epilogo.*</u>

Post ĉi tiuj doloraj linioj ni rigardu al la estonto. Kaj ni vidu kiel ni, samideanoj ekster Germanlando povos konservi eble la kernon de malnovaj fidelaj amikoj de nia lingvo. Certe, oni ankoraŭ ne malpermesis la abonadon kaj legadon de esp. periodaĵoj. Ĉi-tiuj ja senescepte estas sentendencaj kaj ne prezentus indan kaŭzon de polica interveno. Kaj se ie en la vasta mondo, iu nepre volas konverti iun en Germanujo pere de nia lingvo kaj presaĵoj aŭ leteroj, li akceptu konsilon : « Lasu tion, ŝparu monon kaj forton ». Tia ago nur povas malutili al la ricevonto — kiu eble eĉ ne deziras esti informata. *Ni ne ŝanĝas* ĉi-tiun mondon, sekve ni evitu al niaj proksimuloj eblan domaĝon. Kaj pri nia bela ideo tie, ni atendu la esperantistan paskon dirante tiam :

Esperanto reviviĝis !

---

*Kion li ŝatas por la matenmanĝo ? — Ĝuste tion, kion mi ne havas hejme.*

*
* *

*Mia knabo, ĉu vi scias kio fariĝos el buboj kiuj dum kuglo-ludo eldiras aĉajn vortojn ? — Jes, Sinjorino, ili grandiĝos kaj ludos golfon.*

*
* *

*Posedanto de malgranda restoracio multe konsideris sian kuirarton. Foje li estis mirigita, kiam kliento tre juna plendis pri pasteĉo. « Pasteĉo, mia juna sinjoro ? — Mi jam faris tiajn antaŭ vi estis sur tero. — Kaj ilin vi nun vendas ? »*

# Literaturo

## LA KRIZO FINIS

de Jean Prévost.

Estis foje ie en la sudo malgranda marbanloko kiu ankaŭ multe suferis pro la krizo. La malmultnombra personaro de la unika hotelo, *unu sola kelnero*, jam minacis forkuri. La posedanto del' hotelo promenis kun sulkigita vizaĝo, la vetperanto ne plu kreditis kaj la arkitekto, kiun oni ne pagis, dronigis siajn zorgojn en aperitivoj, kiujn li ricevis kredite.

Jen venis iun tagon en belega aŭtomobilo elegantulino. La kelnero vekiĝis kaj la posedanto alkuris serveme.

— Mi deziras ĉambron kun rigardo al la maro, diris la elegantulino.

— Sinjorino, respondis la hotelmastro, postkiam li rigardis observeme la belan veturilon... ni havas tre belan apartementon flanke de la maro. Du larĝaj fenestroj, dormoĉambro, salono kaj banĉambro.

— Bonege, diris la sinjorino.

— Sed mi jam havas interesulon por tiu ĉi apartemento, aldonis la hotelmastro entrepreneme, vi devus tuj decidiĝi.

— Bone, respondis la sinjorino.

— Mil frankojn semajne... ĉio komprenita kaj pagebla antaŭe.

— Konsentas, respondis la sinjorino. Kaj elprenis de eleganta mansaketo bileton de mil frankoj... veran mana-on en la dezerto ! Kaj ŝi ekokupas la apartementon kun la rigardo al la maro.

La malgranda kelnero, kiu portis la pakaĵojn ĝuste revenis en la momento kiam la hotelmastro volis enmeti la mil frankojn en la kason.

— Ah, pardonu, li diris. Mi vidis la milfrankan bileton. Ĝin mi devos ricevi, estro, ĉar dum tri monatoj vi ŝuldas al mi la salajron... estas precize tiom...

— Estas vere, karulo. Jen vi havas la monon, ĉar vi ĝin vidis, mi ne povas rifuzi al vi pagi vin. Sed penu ĝin konservi !

Rapide la kelnero kuris al la strato ; li faldis la bileton en ok partoj kaj volis ĝin enmeti en sian poŝon, kiam ĝuste la vetperanto pasis la angulon kaj frapis lin sur la ŝultron :

— Hei hei, karulo mia ! Nun mi vidis ĝin ! Vi jam ofte devigis min veti je via nomo sur iu ĉevalo sensukcese. Donu la monon ! Sufiĉas ĝuste por pagi viajn ŝuldojn.

Profunde respiris la kelnero :

— Vi estas aĉulo. Sed nun, ke vi jam vidis la monon... jen ĝis estas. Se nur unufoje mi sukcesas ĉe vetkuro, tiam mi certe regajnos la monon.

Kontentege la vetperanto volis malfermi sian poŝpaperujon, kies monfako nature estis malplena. Li ne rimarkis la veturilon ĵus preterpasantan kaj kiu estis malfeliĉe la aĉa krakkesto de la dommastro. La bremso grincis.

— Jen vidu, kara amiko ! salutis la dommastro. Kion vi ĵus metas en la poŝpaperujon, estas precize via lasta lupago-ŝuldo. Donu al mi tuj la beletan bileton, nun, ke mi ja tamen ĝin vidis.

— Kia malŝanculo mi tamen estas, ĝemis la vetperanto. Sed li ja kutimas profesie, vidi ke la mono rapide migras tra la fingroj. Kaj li donis la milfrankulon.

Sed lia gesto estis tro teatra kaj la arkitekto del' dommastro jus preteriranta vidis ĉion : « Sed tio estas efektive feliĉa hazardo ! Kian belan banknoton vi havas ? Kaj ĝuste tiom kiom vi ŝuldas al mi. Multan dankon. Kaj nun vi nenion plu ŝuldas al mi. Devus tamen esti belega sento.

La dommastro ĝemis. Sed kiel dommastro li jam spertis multon. Al ĉiu tion, kio estas al li ; glata kalkulo firmigas la amikecon ; kiu siajn ŝuldojn pagas, riĉiĝos. Mallonge : li donis la monon al la arkitekto.

La arkitekto metis ĝin neglekteme en la poŝon kaj iris al la restoracio de l'hotelo por festi la ĝojigan okazajon.

La hotelmastro ridetis malice :

— Sed kion mi vidas tie ? Alpaŝu iom, mi devas ion diri al vi en la orelojn...

La arkitekto kliniĝis al li. La hotelmastro ekprenis la bileton, kiu rigardis el la poŝo kaj li diris mallaŭte :

— Dankon karulo, Nenion vi ŝuldas al mi nun.

Kaj denove la hotelmastro volis remeti la bileton en la kason, kiam eniris la sinjorino de la apartemento kun la bela rigardo al la maro kaj diris :

— Tamen ne tre plaĉas al mi viaj ĉambroj kun la rigardo al la maro. Mi decidis daŭrigi la vojaĝon.

Kaj ŝi reprenis la milfrankan bileton, eniris la aŭton kaj forveturis.

Tiamaniere la mastro konservis sian personaron, la malgranda kelnero denove havis krediton ĉe la vetperanto, tiu ĉi povis resti en sia loĝejo kaj la dommastro nenion plu ŝuldas al la arkitekto. La arkitekto mendas senhalte aperitivon post aperitivo kaj la hotelmastro malfermis al li novan konton. La milfranka bileto malaperis sed la krizo finis kaj la vivo povos rekomenciĝi.

Kaj ni meritus tiun ĉi feliĉan ŝancon same kiel la bonaj homoj en la malgranda marbanloko. Ĉu vi rimarkis, kiel ĉiu pagas siajn ŝuldojn tuj, kiam la kreditoro vidis la monon ?

Kaj ni ceteraj en la vasta mondo ? Estas tute certe, ke troviĝas sama kvanto da mono ol antaŭ la krizo. Neniu manĝis la banknotojn kaj la oron ankaŭ neniu absorbis. Kaj neniu kuraĝas plu vivi. Ĉu ni devos atendi ankoraŭ longe je la mistera milfranka bileto per kiu estas pagata ĉiuj kreditoroj, sed kiun tamen neniu konservas kaj kiu restarigos la fidon al la laboro ?

(El la franca : M. M.)

---

# Usona humoro

*Viroj edziĝas ofte je brunulinoj, antaŭ ol ili komencas preferi blondulinojn.*

∴

*Kiu opinias, ke la tagoj de la mirakloj forpasis, tiu bezonas nur iom stari antaŭ la pordo de belec-salono.*

∴

Profesoro de Kemio al studento : *Kiu estas la plej signifa donaco, kiun faris la kemio al la mondo ?...*

Studento : *La rimedo, blondigi la harojn.*

∴

Sen doganpago : *Ĉu vi vidis multe da malriĉeco en Eŭropo dum via vojaĝo ?*

— *Certe jes. Kaj mi eĉ alportis iom de ĝi.*

# La plej juna lingvo de la Brita Imperio

*La apero de ŝlosilo de Esperanto en sudafrika lingvo altiris la atenton de observemaj legantoj al tiu ĉi lingvo konata pli vaste sub la nomo kabholanda aŭ Afrikaans. La jena artikolo, kompilita laŭ prelego de Prof. Haarhoff, ĉe Johannesburga Universitato, klarigas la originon de tiu ĉi plej nuna lingvo de la Brita Imperio.*

Estis la 6-a de Aprilo, 1652, kiam Jan van Riebeeck alvenis kun nombro da koloniistoj ĉe la Bonespera Kabo. La plimulto de tiuj koloniistoj venis el la regiono de Amsterdam. Ili parolis diversajn dialektojn kaj ĉar la skriba lingvo holanda ankoraŭ ne estis atinginta certan gradon de samformeco, facile kompreniĝas, ke kune kun la malsameco de la parolitaj dialektoj venis elemento de malcerteco en la lingvo tiutempe parolita ĉe la kabo. Malfeliĉe la dokumentoj pri tiu ĉi tempo estas tre malmultaj kaj kiam dum la unua parto de la 18-a jarcento aperis skribaĵoj iom gravaj en la *Afrikaans* aŭ kiel ni diru en la kabholanda, tiu ĉi jam havis malantaŭ si certan periodon de evoluo. La postaj skribaĵoj pruvas al ni, ke la sekvintaj ŝanĝoj en la karaktero de la lingvo jam ne plu havis tiun gravan rolon. La kabholanda kreskis, evoluiĝis kaj alkonformiĝis al la kondiĉoj, kiel tio ja okazas ĉe ĉiuj lingvoj.

Dum forpaso de unu jarcento, la kabholanda tiom deflankiĝis evolue de la gepatra nederlanda lingvo kaj faris tiom kompletan procedon de forigo de la fleksiaj formoj, ke ĝi iras el tiu ĉi procedo kiel nova lingvo.

Ke multaj lingvoj influis la evoluon de la kabholanda, pri tio oni konsentas, sed distingi unu solan kiel ĉefan faktoron de transformiĝo estus nekonforma al la realo. Filologoj kiel D.B. Bosman, J.J. Smith kaj S.P.E. Boshoff montris, ke la lingvo kiun uzis Riebeeck kaj liaj kunuloj jam havis la ĝermojn de la simpligo en si mem kaj ke tiu ĉi simpligo penetris la tutan konstruon de la lingvo. La nuna kabholanda enhavas laŭ indiko de filologoj ĉirkaŭ 100 000 vortojn.

Ĉirkaŭ je la mezo de la 18-a jarcento — proksimume cent jarojn post alveno de Riebeeck — evidentiĝas, ke la kabholanda akceptiĝis kiel parolata lingvo kaj finis sian evoluiĝon karakterizan. Ĉirkaŭ la jaro 1860 montriĝas provoj, uzi la kabholandan por reklamo aŭ por atingi komikan efikon. En la jaro 1875 fondis S.J. Du Toit societon por la akcelado de la kabholanda lingvo kaj komenciĝis la batalo por rekono, kio unue ŝajnis komplete senespera. Sed iom post iom la kabholanda etendiĝis. Estis la lingvo de l' tero. En la jaro 1909 estis fondita la *Sudafrika Akademio* por protekti la interesojn de la lingvo. En la jaro 1910, per la akcepto de la Unuiĝa Akto la dulingveco fariĝis fundamenta ŝtono de la kunlaboro inter la du blankhaŭtaj loĝantoj (angla kaj kabholanda lingvoj). En la jaro 1914 la kabholanda estas rekonita kiel lerneja lingvo kaj en 1925 oficiala, samrajta apud la angla en la parlamento. La traduko de la Biblio, provita de Du Toit, sed malsukcesinta pro konservativa antaŭjuĝo, fine realiĝis en 1933. Ĝi estas majstra verko kaj tuj fariĝis la plej aĉetita libro.

Nuntempe montriĝis inter la verkistoj skribantaj kabholande, multe da krea provado formi novajn vortojn kaj devenigi de malnovaj vortoj novajn signifojn.

La pronunco de la kabholanda tre multe evoluiĝis for de la holanda. Al nederlandano estas malfacile, kompreni la parolitan kabholandan, dume la Afrikando (Afrikander) kiu ĝenerale lernas en la lernejo la holandan povas facile sekvi la tagan lingvon de nederlandano.

(Kompilis G. Boer.)

# La Servaro de Universala Esperanto-Asocio

La ĉefa ideo de UEA estas servi al la samideanoj laŭ maniero reciproka. Plej uzata estas la servado de l'Delegitoj, informpetoj pri ĉiuj eblaj aferoj, helpo dum vojaĝo k.t.p. Ekzistas regularo pri tio ĉi.

Krom tiu ĉi Servo de Informpetoj ekzistas aliaj servoj, pri kiuj aperas sciigoj de tempo al tempo. Pri kelkaj el ili ni informas tie ĉi, resume.

## Bibliografia Servo

La Biblioteko de UEA estas la plej kompleta pri Esperanto kaj la internacia lingvo.

La Bibliografia Servo de UEA estas al la dispono de ĉiu interesulo, deziranta informon pri verko en Esperanto aŭ verkoj ĝeneralaj pri la problemo de internacia lingvo. Ĉiu informo estas donota kontraŭ nura repago de afranko, sed sen garantio. Specialaj laboroj bibliografiaj estas fareblaj laŭ interkonsento pri honorario.

La monumenta ilustrita 560-paĝa verko « Bibliografio de Internacia Lingvo » estas mendebla ĉe la Bibliografia Servo. Prezo 10.—, bindita 12,50 Frk. svisaj.

La Biblioteko de UEA akiras kaj interŝanĝas ĉion pri la internacia lingvo. Proponante ion, oni demandu unue por eviti senutilan sendon okaze de ebla posedo.

## Ekspozicia Servo

Aranĝante ekspozicion vi certe jam spertis la mankon de preta materialo, servanta kiel fundamento de tia ekspozicio. Por helpi al niaj propagandistoj, la Ekspozicia Servo de UEA preparis kolekton de utilaj dokumentoj, konsistantan el riĉa kolekto de gvidfolioj, de periodaĵoj esperantistaj, de kolekto de ŝlosiloj, de poŝtkartoj kun esp. teksto, de afiŝoj. Pezo : 5-6 kilogramoj. Prezo : 12.50 fsv. — En Svislando, 7.50 Fsv.

## Gazetabona Servo

Por faciligi la abonon al periodaĵo Esperantista estas starigita tiu ĉi servo por la membroj de UEA. Ĝi akceptas peri la mendon de abono por la originala prezo, al ĉiu Esperanta gazeto.

## Hotela Servo

Tiu ĉi interesa servo estis starigita en 1913 restarigita en 1928 sed flanklasita de 1934. Post esploro de la kondiĉoj ni raportos pri ebla refunkciigo sub novaj formoj.

## Komerca Servo

*Insignoj de UEA:*

Kvinpinta verda stelo kun literoj UEA : Pinglo, broĉo, aŭ butono. Unu ekzempleron Frk. 0.60 (Dek ekzempleroj kune sendataj 5 Frk. sv.)

*Ŝildeto por Delegito:*

Tre taŭga por fiksi ĉe dompordo, el aluminio, 10 cm. alta, 4,5 cm. larĝa, blanka fundo, verda teksto tre eleganta kaj bonaspekta, la ekzemplero 0,25 Frk. sv.

*Diskoj en Esperanto:*

Nerompebla disko, unu ekzemplero : 2,50 Frk. sv.

1) Kun la himno *La Espero* kaj la bildario el *Sorĉa Fluto*, de Mozart.

2) Ario de l'duko el *Rigoletto*. Ario de l'Toreadoro el *Carmen*.

*Horloĝo Esperantista:*

Plej bona fabrikaĵo svisa, marko « L'espero », oksidita nikelo, unuakvalita movo, unu ekz. 40.— Frk. svis.

## Kongresa Servo

Tiu-ĉi servo, bone funkciinta dum pluraj kongresoj, estos restarigata por la Jubilea Kongreso en Varsovio 1937. Ĝi celas havigi al la esperantistoj agrablan restadon dum la kongreso per kombinita biletaro kaj je plej favoraj kondiĉoj, adaptataj al la nunaj cirkonstancoj. Precizaj informoj aperos en sekvantaj numeroj de « ESPERANTO ».

## Libroservo de UEA

La Libroservo de UEA celas havigi al ĉiu Esperantisto plej rapide kaj facile je originala prezo Esperantajn verkojn. La ebla profito estas uzata senescepte por plibonigi la servojn de UEA.

La kondiĉoj estas : Kun la mendo oni sendu la korespondan monsumon laŭ plej bona maniero. Estas akceptataj ĉiuj pagiloj ŝanĝeblaj en banko, respondkuponoj poŝtaj kaj de UEA. La Libroservo ne povas sendi kredite kaj ankaŭ ne malfermas kontojn al klientoj. La prezoj estas tiuj, kiujn fiksis la eldonistoj.

Krom la perado de verkoj la Libroservo de UEA transprenas la disvendon de Esperantaj verkoj de unuopaj eldonistoj kaj servas kiel internacia deponejo. La kondiĉoj pri tiu ĉi servo estas konigataj laŭ demando.

Respondante al la postuloj de la nuna tempo, la Libroservo klopodas aranĝi por la membroj de UEA, rabaton je la originalaj prezoj por faciligi la akiron de libroj, precipe al samideanoj en landoj kun speciale malfavoraj kondiĉoj.

Dum venonta tempo estos aranĝata vendo de malnovaj libroj.

## Propaganda Servo

La *Propaganda Servo* starigita jam en 1931 celas eldoni unuformajn propagandilojn en nacia lingvo, uzante argu-

La Servaro de Universala Esperanto-Asocio

# La Servaro de Universala Esperanto-Asocio

mentojn modernajn en la varbado. La propagandiloj eldonitaj trovis favoran aprobon inter la propagandistoj, kiel pruvas la fakto de la rapida disvendo en la ĉefaj lingvoj kaj la deziroj de represo. Aperis tiaj propagandiloj en lingvoj ĉeĥa, franca, germana, finna, hungara, kataluna, portugala kaj estis preparitaj eldonoj en bulgara, malaja, nederlanda. Ni studos la eblecon etendi tiun ĉi servon kaj informos pri tio tre baldaŭ.

Sub la *Propaganda servo de UEA* troviĝos de nun la eldono kaj la disvendo de nacilingvaj ŝlosiloj de Esperanto, utila kaj multe uzata varbilo. Laŭ la nuna ebleco la Propaganda Servo prilaboras la ekzistantajn manuskriptojn, petas kunhelpon de kompetentaj samideanoj kaj faros ĉiun eblon por plivastigi tiun ĉi valoran agadparton. Estonte ni regule raportos en la oficiala revuo pri tiu ĉi ero de servo. Estas vendeblaj nun ŝlosiloj en jenaj lingvoj : Albana, Angla, Araba, Baska, Bulgara, Estona, Flandra, Franca, Germana, Hispana, Hungara, Islanda, Itala, Japana, Juda, Kroata, Latva, Litova, Malaja, Nederlanda, Norvega, Persa, Pola, Portugala, Romanĉa, Rumana, Serba, Slovaka, Slovena, Sudafrika, Ukraina.

De nun ni fiksas saman prezon por ĉiu ŝlosilo. Ĝi estas 0.15 fr.sv. la ekzemplero en kiu ajn lingvo. La tuta kolekto — 30 lingva — 4 Fsv. kun sendo.

## Reklama Servo

La Reklama Servo de UEA metas al la dispono de l'publiko diversajn aranĝojn. Komercaj entreprenoj, korporacioj kun speciala celado, kiuj deziras kontaktiĝi kun la Esperantista publiko, povas utile profiti tiun ĉi servon.

La Reklama Servo povas disponi :

1) adresmaterialon ;
2) konsili pri eldono de reklamilo en Esperanto ;
3) dissendi pere de propraj eldonaĵoj tian reklamilon.

Pri detaloj oni sin turnu al la Centra Oficejo de UEA, Reklama Servo.

## Respondkupona Servo

Estas regula plendo de la Delegitoj de UEA, ke mankas al la informpetoj ricevataj la necesa afranko. Je tio kulpas parte la neebleco ricevi en ĉiu loko la poŝtan respondkuponon, kiu cetere en kelkaj landoj ankoraŭ ne estas vendata. Por forigi tiun mankon, UEA kreis antaŭ kelkaj jaroj la respondkuponon de UEA en tri valoroj :

0,30 — 0,50 — kaj 1.— Franko svisa valoro. La respondkuponoj cirkulas por tri jaroj (la tria serio de 1932-1935) kaj estas ĉiam reakceptataj ĝis tiu dato de la Centra Kaso de UEA kaj de la Ĉefdelegitoj. Oni vendas po serio, kiu konsistas el dek pagiloj de 0,30, ses de 0,50 kaj tri je 1.— Franko. Kune tio formas 9.— Frk. sv. kun vendoprezo de 10.— Frk. La plia franko estas por la kostoj (poŝta respondkupono kostas 0.40 Frk., valoranta tamen nur 0.30). Duonjaro antaŭ la fino de la limtago, do 31-a de Decembro 1935 oni ne plu vendas kuponojn de la tria serio, sed jam de la kvara, kaj aperas regule atentigo, ke oni elŝanĝu la ankoraŭ cirkulantajn kuponojn, antaŭ la limtago. Oni mendu la respondkuponojn aŭ rekte ĉe la Centra Oficejo aŭ pere de la Ĉefdelegitoj en plene organizitaj teritorioj.

Estas ankaŭ aĉeteblaj kuponoj nur je valoro de 0.30 Fr. sen aliaj de 0.50 aŭ 1.— Frk. Minimumo estas dek kuponoj por 0.30 Frk., kies vendoprezo estas 3.50 Frk.

Krom la ordinara uzo por pagi la afrankon okaze de servopeto, la respondkupono de UEA tre taŭgas por pagi enletere malgrandajn sumojn, kies sendo per internacia poŝtmandato ne estas praktika. La respondkupono de UEA povas cirkuladi ĝis limtago. Ĝi ne senvaloriĝas ĉe unua pago. Ni rememorigas ankaŭ, ke la respondkupono de UEA estas ne ŝanĝebla ĉe la poŝto, kiel iuj erare kredas. Ĝi estas privata pagilo inter-Esperantista.

La antaŭaj linioj aperis en 1934 (speciala numero de ESPERANTO.) Intertempe devis okazi la elŝanĝo de la kuponoj kun stampo 1935. La Prov. Komitato de UEA en sia plej proksima kunveno esploras la eblecon daŭrigi tiun ĉi servon.

## Turisma Servo

La Turisma Servo akcelas la eldonon de praktikaj, se eble samformataj gvidiloj en Esperanto, la tielnomitaj gvidfolioj. Ĝi samtempe prizorgas la disdonon de tiuj gvidfolioj laŭ tri manieroj : 1) per la gazeto *Esperanto* ; 2) per Jarlibro ; 3) per Oficiala Bulteno.

Pri la eldono de gvidfolio de UEA, formato de la Jarlibro, oni atentu jenajn punktojn :

Oni proponu la eldonon de tia gvidfolio al turisma organizaĵo, apogante sin sur la jam ekzistantaj folioj kaj la ĉiam pli granda intereso, kiun renkontas tia reklamilo en vastaj rondoj. *Ne* estas devige, ke la gvidfolio presiĝu pere de UEA. Praktikaj kaŭzoj tion ja konsilas, sed se ne estas alie eble, oni presigu tie, kie deziras la kliento. Ĉefa principo : Eldonu la gvidfolion turisma organizaĵo je sia kosto. Oni presu sufiĉan kvanton, de 5.000 ĝis 10.000 ekzempleroj.

En venonta informo pri la servoj ni donos prezaron de la gvidfolioj en diversaj landoj kaj la koston de aldono al la publikigaĵoj de UEA.

La Turisma Servo dissendas kontraŭ repago de l'afranko la tutan kolekton de plej novaj gvidfolioj en Esperanto ĉ. 40 ekzempleroj diversaj (1.— Fsv.).

La Servaro de Universala Esperanto-Asocio

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## Administraj informoj

1. La ĉefdelegitoj (kaj perantoj) pretaj daŭrigi sian funkciadon, estas rajtigitaj akcepti kotizojn kiel ĝis nun.

2. En la teritorioj, kie la ĉefdelegito eksiĝis, oni povas aŭ pagi rekte al la Centra Oficejo — se tio estas eble — aŭ pagi al la poŝtĉekkonto de la Centra Oficejo de UEA, en la koncerna lando.

## Poŝtĉekkontoj de UEA:

*Aŭstria:* No. 105439 Wien

*Belga:* No. 184200 Bruxelles

*Ĉeĥoslovakio:* No. 79236 Praha

*Francujo:* No. 22176 Lyon

*Germanujo:* No. 90850 Frankfurt a. M.

*Hungarujo:* No. 59800 Budapest

*Jugoslavio:* No. 40759 Zagreb

*Nederlando:* Ĉefdeleg. Jacob Telling, Schietbaanlaan 106-a, Rotterdam-C. Poŝtĉekkonto 2426-19.

*Polujo:* Ĉefdeleg. J. Ŝapiro, Marsz. Pilsudskiego 33, Bialystok, Poŝtĉekkonto 60047 Warszawa.

*Svedlando:* No. 4138 Stockholm

*Svislando:* Ĉefdelegito H. Kürsteiner, Florastrasse 5, St Gallen. Poŝtĉekkonto : Svisa Esperanto Societo IX/5479 St. Gallen

En landoj nenomitaj oni rilatu rekte kun la Centra Oficejo, 1, Tour de l'Ile, Genève (Svislando). El Germanujo oni akceptas nur abonojn.

## Preztabelo 1937

| Lando: | Mono: | M | MA | MS |
|---|---|---|---|---|
| Argentino | Pes. | 2.50 | 8.25 | 20 |
| Aŭstralio | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Aŭstrio | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Belgujo | Fr. b. | 16 | 40 | 175 |
| Brazilo | Milr. | 12 | 30 | 80 |
| Britlando | Ŝil. | 4 | 10 | 20 |
| Bulgarujo | Lev. | 100 | 250 | 800 |
| Ĉeĥoslovakio | Kč. | 20 | 50 | 125 |
| Ĉinujo | Dol. | 3 | 7.50 | 20 |
| Danlando | Kr. | 4 | 10 | 25 |
| Egipto | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Estonio | Kr. | 3 | 7.50 | 25 |
| Finlando | Fmk. | 40 | 100 | 250 |
| Francujo | Fr. Fr. | 15 | 40 | 125 |
| Germanujo | Gmk. | Jara abono : 6 Gmk. | | |
| Greklando | Dr. | 100 | 250 | 800 |
| Hispanujo | Pes. | 8 | 20 | 50 |
| Hungarlando | Peng. | 4 | 10 | 25 |
| Italujo | Lir. | 12 | 30 | 90 |
| Japanujo | Jen. | 3 | 8 | 15 |
| Jugoslavio | Din. | 30 | 100 | 200 |
| Latvio | Lat. | 4 | 10 | 20 |
| Litovio | Lid. | 8 | 20 | 40 |
| Nederlando | Guld. | 2 | 5 | 10 |
| Norvegujo | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Novzelando | Ŝil. | 4 | 10 | 25 |
| Polujo | Zlot. | 5 | 12.50 | 25 |
| Portugalujo | Esk. | 15 | 40 | 100 |
| Rumanujo | Lej. | 100 | 250 | 800 |
| Svedlando | Kr. | 4 | 10 | 20 |
| Svislando | Fr. sv. | 4 | 10 | 20 |
| Urugvajo | Pes. | 2.50 | 5 | 20 |
| Usono (Kanado) | Dol. | 1 | 2.50 | 5 |

---

**Kotizoj : M = Membro kun Membrokarto kaj Jarlibro 1937.**

**MA = Membro-Abonanto : Kiel antaŭe, plie la revuo ESPERANTO dum unu jaro.**

**MS = Membro-Subtenanto : Kiel MA, plie belan libro-premion.**

**DM = Dumviva Membro. 300 Fr. sv. Sen Favorprezo. Ĉiuj rajtoj de MA dumvive, kun eblaj pliaj presaĵoj.**

**Premiojn rajtas personoj varbantaj novan anon, kaj la Subtenantoj. Listo aperos en venonta numero de ESPERANTO.**

**Grava : Ĉiuj sendaĵoj al Centra Oficejo de UEA estu adresataj kun plena nomo de UEA, 1 Tour-de-l'Ile, Genève, sen aldono de iu persona nomo. —**

**— Provizora Komitato de UEA. —**

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**1, Tour de l'Ile, Genève, Svis.**

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 11-36